Xª jaro. Nº 153 (17) ☆ Duonmonata ☆ 20 Septembro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono | 2. — Sm. | (5 fr. —) |
| Luksa eldono | 2. 50 Sm. | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) | 20 Sd. | (50 ct.) |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 16 Sd. | (40 ct.) |
| Korespondado (1 enskribo) | 20 Sd. | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# UEA kaj ŝovinismo

Ni represas ĉi-sube la interesan raporton prezentitan de S-ro Rousseau, Vicprezidanto de UEA, ĉe la kvara Kongreso de UEA. Post vigla diskutado la kongreso decidis principe aprobi la raporton kaj ĝin resendi al la komisiono pri la revizio de la statuto por formuligo de la ĉefaj ideoj en ĝi entenitaj.

Antaŭ jam kvin jaroj, post la Cambridge'a Kongreso, nia amata Honora Prezidanto diris en Guildhall en London tiujn memorindajn parolojn: „Longe daŭros ankoraŭ malluma nokto sur la tero, sed tamen ne eterne ĝi daŭros. Venos iam la tempo, kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj. Anstataŭ konstante batali inter si, elŝiri la patrujon unuj al la aliaj, perforte altrudi al si reciproke siajn lingvojn kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento ili laboros sur la tero, sur kiu ili vivas, kaj kontraŭ tiuj krudaj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiujn egale atakas... Kaj se iam venos tiu feliĉa tempo, ĝi estos la frukto de konstanta kaj senlaca laborado de tiuj homoj, kiujn ni vidas nun en tiu ĉi ĉambrego, kaj kies nomo, ankoraŭ tre malmulte konata kaj tre malmulte ŝatata estas „esperantistoj"." Certe la „malluma nokto" ankoraŭ daŭras sur la tero. Pli ol iam la malbenita ŝovinismo venenigas nian ĉiutagan vivon, pendigas super niaj kapoj la teruran minacon de interfrataj militoj, paralizas la celadon al morala kaj materia perfektiĝo de l'Homaro. Kaj certe, se ni volas efektive, laŭ la vortoj de D-ro Zamenhof, iom rapidigi la momenton, kiam la homoj „en plena interkonsento laboros sur la tero", estas necese, ke ni atente ekzamenu la demandojn starantajn antaŭ ni, pri Paco kaj Milito, kaj ke ni decidu, kia devas esti la sintenado de nia Asocio kaj de niaj membroj, meze de la nuntempaj naciaj pasioj kaj intergentaj konfliktoj.

Ŝajnas ke, rilate al milito, ni povas konsideri tri ĉefajn partiojn. La unua, tiu de l'ŝovinistoj, kiuj opinias, ke milito estas nobla kaj justa rimedo de la plej fortaj por akiri tion, kion ili bezonas aŭ simple deziras; ke buĉado sur batalejo de homoj konkurencantaj sur la komerca aŭ politika kampo, estas io racia, se ĝi okazas inter popoloj, dum ĝi estas krima se ĝi okazas inter individuoj. La dua partio opinias, ke militoj kaj perfortoj neniel povas doni al la venkintoj profitojn daŭrajn, aŭ egalvalorantajn la nekalkuleblajn perdojn kaŭzitajn de ili, ke, pro la ekstreme granda disvastiĝo de la internaciaj komunikiloj en la lasta tempo, la tuta homaro estas solidara en la ekonomia, arta, intelekta kampoj, kaj povas progresadi nur en bonordo kaj metoda kooperado ĉiulanda kaj ĉiufaka. Sed, la sama partio ankaŭ estas konvinkita, ke, flanke de tiu teoria konsiderado, estas en la praktiko tre timiga situacio, kiun estas necese priatenti; ke, bedaŭrinde, en la diversaj nacioj, fakto estas, ke ĉiutage pli gravaj fariĝas la militistaj prizorgoj, ke malkonfido regas inter la registaroj kaj ke sekve, ĉiu en sia lando havas la devon sin pretigi por kiel eble plej efike defendi sian patrujon, en la okazo se la ĉiunaciaj ŝovinistoj igus la militon neevitebla. Fine, tria partio proklamas, ke ĉiu milito estas malprava, ke perfida ago de iu ne justigas perfortan rebaton de alia; ke, en nia tempo, popolo venkita de alia civilizita popolo estas ĝenerale nek elbuĉata, nek senposedigata, kaj suferas pro la malvenko malpli da domaĝoj ol per multekosta arma paco, aŭ per milito mem.

La argumentojn de la homoj de la unua partio, kiuj ŝatas militon por ĝi mem, ni tie ĉi eĉ ne volas diskuti. Se ili estus pravaj, se milito estus io racia inter la popoloj, se uzo de perfortoj estus dezirinda, anstataŭ obeo al interkonsentitaj reguloj kaj juraj kutimoj, estus absurda la ekzisto de Asocio kiel nia, kiu ja celas la malon, tio estas krei inter

ĉiulandaj homoj regulajn kaj firmajn interrilatojn, bazitajn sur reciproka plenumado de la samaj devoj kaj uzado de la samaj rajtoj. Sed, ĉar nia Asocio ja ekzistas kaj ĉar ĉiu el ni, fariĝinte esperantiano, akceptis ĝian statuton, nia sola logika sintenado rilate al milito estas kondamni ĝian principon, kaj rilate al ŝovinistoj, malhelpi ilian agadon.

La unua konsekvenco estas, ke UEA devas enhavi inter siaj membroj neniun ŝoviniston. Aliĝo al UEA signifas akcepton de ĝia statuto. Simpla honesteco devas malpermesi, ke iu homo, konsideranta perforton kiel racian kaj taŭgan rimedon inter la homoj, eniru en Asocion, kies celo estas la plifaciligo de la homaj rilatoj kaj la kreo inter ili de fortika ligilo de solidareco. Plie, ni opinias ke, se tamen enirus en niajn vicojn tiaj homoj, estus nia devo ilin forigi. Se estus klare pruvite, ke iu membro de UEA aŭ esperantia entrepreno agas por instigi homojn aŭ gentojn unuj kontraŭ aliaj, disvastigante falsajn informojn, skribante insultajn gazetartikolojn, uzante malhonestajn rimedojn por spionadi, k. c. ĝi devus esti eksigita laŭ la § 15a de nia statuto.

Ĉefe grava estas la disvastigo de nejustaj kaj neĝustaj informoj. Ĉiu esperantiano devas nepre sin deteni de tia ago, kaj plie, ĉiu esperantiano facile povas kaj eĉ laŭeble devas tion malhelpi. Supozu ekzemple, ke gazeto de mia urbo sciigas, ke en la urbo X en najbara lando, oni organizis kunvenon; ke en tiu kunveno oni akre atakis mian landon; ke multaj miloj da homoj ĉeestis tiun kunvenon; ke ne eĉ unu gazeto de tiu urbo protestis kaj ke, sekve la tuta loĝantaro de la najbara lando abomenas mian patrujon kaj estas preta komenci kontraŭ ĝi la militon. Kion mi faros? Mi simple skribos al la Del. de UEA en X petante ke li sendu al mi ekzempleron de ĉiu gazeto de sia urbo enhavanta raporton pri la dirita kunveno; se mi ne povas legi lian lingvon, mi petos, ke li traduku ilin. Verŝajne mi konstatos, ke almenaŭ kelkaj gazetoj ne aprobis la kunvenon kaj ne tiel malamike rilatas kun mia lando kiel pretendis la ĵurnalo de mia urbo. Mi provos sendi al la mensoginta gazeto proteston. Preskaŭ certe tiu mia protesto ne estos enpresota. Tiam restos al mi rimedo, kiu ofte havos grandan efikon: mi skribos per la Del. de UEA en X al la direktoro de la gazeto, kiu povas plendi pri la publikigita malĝusta informo, kaj mi instigos lin, ke li postulu, laŭleĝe, ke la mensogema gazeto de mia urbo enpresu lian proteston.

Mi do supozas, ke ni ĉiuj konsentas pri tio, ke la devo de UEA kaj de ĉiu esperantiano estas kontraŭbatali ŝovinismon. Ĉu nun ni devas iri pluen sur tia vojo? Ĉu ni devas en nia nacio, laŭ la opinio de la tria partio, tute simple rifuzi nian helpon al ĉio militista, kontraŭstari al plifortigo de la armeo de nia lando, sub la preteksto, ke ni malaprobas militon? Ĉu ni devas doni nian favoron al ĉiu ajn entrepreno komerca aŭ ekonomia, tute egale ĉu ĝi estas fremda aŭ ne, sub la preteksto, ke ni estas partianoj de liberaj interŝanĝoj kaj kunlaborado inter ĉiulandaj homoj? Certe, se ni konsilus tiun sintenadon al niaj membroj, ni preterpasus nian celon, kaj ni malbone interpretus nian statuton. Bedaŭrinde ekzistas ankoraŭ en la mondo sufiĉe multe da militemuloj, kiuj havas ĉiu en sia lando sufiĉe da influo sur la registaroj, por ke la aliaj devu timi ilin kaj sin prepari al memdefendo kontraŭ eblaj atakoj preparitaj de ili. Pro tio ni opinias, ke ni devas lasi niajn membrojn plene liberaj agi laŭ ilia propra konscienco kaj mem decidi ĝis kia grado ili volas helpi, pro momenta neceseco, en la rimedoj proponitaj por rezisti kontraŭ ebla premo de alia gento aŭ popolo.

Ni ja ne forgesu, ke la unua necesa kondiĉo, por ke kontraŭmilita kaj porpaca propagando ne estu danĝera, estas, ke ĝi ne estu nur unuflanka, sed *ĝenerala* kaj *internacia*. Tro da pacifistaj manifestadoj en iu lando, dum en la najbara oni antaŭ ĉio laboras por milito, tute ne estas konsilindaj. Same kiel en urbo, al civito estas utile, ke la pacogardantoj, tio estas la ĝendarmoj kaj policanoj, estu pli fortaj kaj pli bone armitaj ol la ŝtelistoj kaj mortigistoj, tiel ankaŭ en nia mondo estas al la homaro utile, ke la pacemaj popoloj estu pli fortaj ol la ŝovinistaj. Tial estas saĝe ke, antaŭ ol labori kaj predikadi por paco en nia propra lando, ni certiĝu, ke en la aliaj ankaŭ samgranda nombro da homoj faras la samon, kaj ne sufiĉas, ke ni sciu tion proksimume kaj neprecize. Estas necese, ke ekzistu inter ĉiuj pacamantoj de ĉiuj landoj vera kontrakto, kaj fidinda promeso agi sammaniere ĉiu en sia lando, por ke neniu povu diri: „Konsilante al ni pacon dum niaj malamikoj konsilas ĉe si militon, vi nin malfortigas kaj vi helpas por ilia venko; laŭdante iliajn artajn produktaĵojn dum ili malŝatas niajn; aĉetante iliajn komercaĵojn dum ili bojkotas ĉion, kio devenas de nia lando, vi danĝere laboras kontraŭ nia patrujo.“ Por ne meriti tiun riproĉon, ĉiu el ni havas la rajton esti singardema en siaj paroloj kaj en siaj rilatoj kun fremduloj, kaj ne sin ĵeti senpripense en la brakojn de la unua homo renkontita sur strato, sub la preteksto, ke li estus samprofesiano, aŭ samreligiano, aŭ ĉar li ankaŭ scias Esperanton. Ni ja scias, ke, pri Esperantistoj, la granda plimulto da ili estas pacamantoj, ke ili ne nur estas Esperantistoj en la senco de la Bulonja deklaro, sed ankaŭ, ke ili sentas en si la internan ideon de nia afero; tamen ni ankaŭ scias, ke, jam de nun, Esperanto estas kelkafoje uzata por ŝtelado, por spionado, por trompo kaj por ŝovinistaj celoj, tute kiel naciaj lingvoj, kaj pro tio ni devas agi ankaŭ singardeme kun Esperantistoj, pri kiuj ni scias nenion krom tio, ke ili uzas Esperanton.

Tute alie ni povas — aŭ devus havi la eblon — agi kun Esperantiano; ni scias, ke ni komprenos unu de la alia ne nur la lingvon, sed ankaŭ la koron. Ni scias, ke ni ambaŭ akceptis la celon kaj la principojn de UEA, kiuj estas malŝato al ĉiu ŝovinismo, interhelpemo kaj solidareco en ĉiuj okazoj. Ni scias, ke ni ambaŭ apartenas al sama Asocio tiel perfekte internacia, ke la nombro de ĝiaj membroj en ĉiuj landoj estas preskaŭ proporcia je la tuta loĝantaro de la diritaj landoj; ke tiu Asocio zorge evitas la influon de kiu ajn nacio en sian komitaton kaj en siajn aferojn, ke ĝi ne permesos, ke ĝia sidejo estu en alia lando ol en neŭtrale politika lando; ni fine scias, ke niaj devoj kaj rajtoj en la Asocio estas samaj. Kiam vi, Esperantiano, faras servon al alia Esperantiano alilanda, kiam vi helpas fremdajn firmojn por vendado de iliaj produktaĵoj, vi tion povas fari tute sen konsciencriproĉo, ĉar vi scias, ke proksimume la sama nombro de Esperantianoj aŭ esperantiaj entreprenoj de via lando ricevos en la fremda lando la saman helpon.

La konkludon vi senpene antaŭvidas. Ĉiu homo, kiu deziras kontraŭbatali ŝovinismon kaj deziras labori por la pacaj rilatoj inter la homoj, sed kiu volas eniri tiun vojon nur certiĝinte pri la reciprokeco ĉe alilandaj homoj, aliĝu al UEA. Tie li trovos la taŭgan neŭtralan kaj internacian kampon, kiun li bezonas por konformigi sian agadon je siaj principoj, ne timante labori kontraŭ sia patrujo. Kaj ni ne timas aserti, ke, se tago venus, kiam notinda parto de la pacamantoj de ĉiu lando partoprenus, interne de UEA je nia komuna laboro por konkordo kaj kooperado inter la homoj, la ŝovinismo facile estus forpelita de nia kompatinda mondo.

*Th. Rousseau,*
Vicprezidanto de UEA.

---



## SOCIA VIVO



### La ekonomia estonteco de Kaldeo

III

Willcocks, post zorga esplorado de la lokoj, proponis siajn servojn al la turka registaro kaj prezentis al ĝi plenan planon de akvumado de kvin milionoj da hektaroj. Tio estas longa entrepreno, kiun oni plenumos etapon post etapo. Oni komence taŭgigos por la kulturo zonon da 550.000 hektaroj inter Bagdad ĉe Tigro kaj Kufa ĉe Eŭfrato. La plenumotaj laboroj enhavas barajojn ĉe Feluĝa kaj Hindie, firmigon de la digoj, starigon de akvumaj kanaloj; poste la laboristoj laŭgrade konkeros novajn partojn. La karakterizo de la metodo de Willcocks estas, ke ĝi prikonsideras la antikvajn kaj modernajn spertojn. Ĝi respektas tion, kio estis antaŭe farita; ĝi plibonigas pli ol ĝi novigas.

Willcocks plene admiras Aleksandron, kiu donis multe da zorgo al la derivado de Eŭfrato kaj starigis barajon ĉe tute taŭga loko. „Aleksandro, determininte la forirpunkton de Pallacopas (nuna Hindie) sekdrenis la regionon, kio montras ĉe li veran hidraŭlikan inĝenieron.“ Tiu saluto al la laboro de la Makedona konkerinto estas rimarkinda.

Ni ankoraŭ notu tiun tro ofte forgesitan fakton, nome ke en la antikva tempo dum pacaj periodoj la soldatoj estis uzataj por publiklaboroj. Al la laŭroj de la batalkampo ili aldonis la honoron partopreni en la socia kaj ekonomia prospereco de sia patrujo.

La dua barajo ĉe Feluĝa estos konstruata ĉirkaŭ la fama batalkampo de Cunaxa, kie Artaxerxes kaj liaj multnombraj armeoj estas venkitaj de malgranda armeo forte deziranta venki. La kreskoj de la riverego necesigas rezervajn akvujojn. Aliparte, necese estas ebligi elfluadon de senŝlima kaj sensala pura akvo, kaj malhelpi, ke ĝi restadu tro longe sur la grundo. La akvumado sen la drenado estas malutila. En Egiptujo de post 1894, gravaj kreditoj estas dediĉitaj al tiu fako de la agrikultura hidraŭliko; la *masrafs* aŭ drenado-kanaloj estas multnombraj. La granda lago Akkar Kuf, norde de Bagdad, estas preta ricevi la troajon de la Tigr'aj superakvoj. La grandaj linioj de Nahrwân kaj Hai (Tigro) kaj tiuj de Hindie kaj Hilla (Eŭfrato) estos rebonigataj, kaj alsendos siajn bonfarantajn branĉojn en la senakvan kamparon. La remparoj por bari la vojojn kontraŭ la detruantaj torentoj estos starigataj ĉe la lokoj montrotaj de la inĝenieroj.

Kiel oni vidas, se la problemo estas teorie solvita, la efektivigo de tiuj grandiozaj projektoj postulos tempon, energion, kapitalojn kaj laboristojn. Tiu lasta punkto komprenebla estas konsiderinda. Oni devos subteni teruran batalon kontraŭ du riveregoj, malfacile supereblaj, kontraŭ la ŝlimo, kiu obstrukcias la kanalojn, kontraŭ la invado de la salakvo

Kiam poste Tigro kaj Eŭfrato estos reguligitaj per kluzoj kaj akvujoj, la akvumado ne plu prezentos malfacilajon; ilia delto estos tiel fruktodona kiel la Nila. Ĉu Mehemet Ali ne estis proponinta al la sultano interŝanĝi Egiptujon kontraŭ Babilonio? La ĥemia analizo montras, ke la fruktodonigaj materioj de la Eŭfrata grundo estas en pli alta proporcio ol ĉe la Nila grundo. Oni do povas antaŭvidi konsiderindan agrikulturan produktadon. Hordeo, tritiko kaj maizo mirinde prosperas. La luzerno, nun kulturata en Bassora, la maizo kaj la milio esperigas riĉajn rikoltojn. La oranĝoj estas bonkvalitaj. Multaj estas la daktilplantejoj, sed iliaj fruktoj estas malsuperaj ol la Alĝeriaj kaj Egiptaj. Oni multon atendas de la kotonkulturo. Kontraŭe, estas malfacile ion antaŭdiri pri la sukerkano. La brutedukado, sukcese praktikata de kelkaj nomadaj gentetoj, progresos.

Restas la demando pri la fervojaj transportoj. La fervojo de Bagdad estas nun efektiviĝanta; aliaj linioj projektataj tra la dezerto servos por la eksportado de la novaj kulturitaj zonoj. „Longa sperto en Hindujo kaj Egiptujo, skribas Willcocks, konfirmis mian impreson, ke en la senfruktaj regionoj la pluvakvo devas esti rezervata por la akvumado kaj la fervojoj por la transporto.“ Same estos en Babilonio.

Unu el la plej viglaj subtenantoj de la akvumado en Kaldeo, Nazim Paŝa, estas antaŭ ne longe mortigita en Konstantinoplo. Tiu nobla soldato, tiu klera kaj liberala viro, pri kiu von der Goltz diris, ke li estas la unua generalo de la turka imperio, estis guberniestro de Bagdad, kie li estis amata kaj ŝatata. La 30 januaro 1911, li subskribis kun membro de la brita Parlamento, Sir John Jackson, kontrakton, per kiu li koncesiis la konstruadon de la granda barajo de Hindie, al kiu Aleksandro jam interesiĝis. La kutimaj intrigoj de la Turka registaro kaŭzis la revokon de Nazim al Konstantinoplo; tiu decido elvokis indignajn protestojn de ĉiuj, kiuj lin vidis ĉe la laboro, konis lian sindonemon kaj liajn administrajn kapablojn. Turkujo perdis veran patrioton, kiu revis la moran, ekonomian kaj financan reviviĝon de sia lando. Ĝi ne sciis uzi la servojn de tiu, kiu kunigis la virtojn de la soldato kun la ecoj de la administranto. Kiel malsama estas la sorto de Lord Kitchener! Elektita guberniestro de Egiptujo, li havas nenian malfacilajon por interesi siajn samlandanojn je la ekonomia progreso de Sudano. Liaj opinioj estas ĉiam aŭskultataj.

Finante tiun artikolon ni esprimas la deziron, ke la grandiozaj planoj de Sir William Willcocks estu efektivigataj kaj sukcesu. La estonteco montros, ĉu prava estis tiu kuraĝa optimismo, kiu devas esti la bazo de ĉiu entrepreno.

*Alfred Boissier*

Trad.[1] *A. R.*

---

### Al la lando de miaj revoj

I

Kiel oni scias la vintra packonferenco en Londono faris nenion bonan por la paco, kaj la Balkana milito devis rekomenci. Nun oni devis batali por la plezuro de Eŭropo . . . En ĉiu okazo mi ne plu estis bezona al la milito kaj por ne perdi la karan tempon en vana atendado — ĉar nia universitato kaj ĉio, kio ne havas rilaton kun la milito, estas fermita — mi pretigis miajn kofrojn por forveturi okcidenten — daŭrigi miajn studojn.

La kultura Eŭropo min tiris, logis min jam de infaneco kaj precipe ĝia fokuso — Francujo, la lando de miaj revoj. Mi do estis firme decidinta iri tien, vidi homojn, ellerni lingvon, renovigi mian animon. Ĝis nun mi banis min en la espero — tiu subtenantino de ĉiuj suferantoj — realigi miajn revojn, kaj jen hodiaŭ venis la multeatendata momento. Mi jam estis preta fari tion, kio al multaj ŝajnas neebla, kvankam en ili ankaŭ brulas la malhela sopiro al fremdaj landoj, al la malproksimeco, kaj al ili mi rakontados.

* * *

Jam delonge mi korespondis — kompreneble en la lingvo de l'espero — kun S-ro Boirac, rektoro, kaj S-ro Lambert, profesoro de la Dijona universitato. Kvankam iliaj respondoj estis ĉiam tre favoraj, mi reskribis al mia malnova korespondantino S-ino Henriet-Nolotte, kaj mi ricevis tiel afablan respondon, ke mi ne plu ŝanceliĝis akcepti Dijon'on kiel mian estontan studlokon. Interalie ŝi tre amike skribis al mi: „. . . Mi estos ĝoja renkonti vin ĉe la stacidomo . . .“ Mi do ekiris kun la sankta signo de l'espero, ne forgesinte

[1] El *Journal de Genève*.

la Jarlibron de UEA, kies servojn nun mi ankaŭ devis gustumi.

Post amika nokta interbabilado kun S-ro Del. G. Atanasov en *Sofia*, mi forveturis la 10 marto, forkondukita de mia juna frato kaj parenco ĝis la stacidomo. Estis frua lunda mateno. Nenia eksterordinara bruo, la lampetoj apenaŭ lumetis trans la nebulo, la neĝo malrapide faladis, kaj la tremanta koro atendis la trifojan signon por forveturo.

Sonorilado... La vagonaro jam moviĝas. Adiaŭ! Adiaŭ! Kaj ĝis revido! Stariĝinta apud la fenestro mi streĉas la okulojn al Sofia — ĉio malantaŭe estas jam memoro . . .

Kaj mi nevole ekpensas, kian spektaklon prezentas nun la batalkampo, sursemita per miloj da kadavroj, la tero — trinkigita per la sango de tiom da senkulpe pereintaj viktimoj de l'libereco. Ŝajnis al mi, ke tiun ĉi pezan atmosferon mi sentos dum la tuta vojo . . . Ha, tiu Balkana milito! . . . Nenio plu vidiĝas. Nur la neĝo faladis je grandaj pecoj kaj kovradis la teron post mi, kvazaŭ ĝi kompateme volis helpi, ke mi forgesu la kruelaĵojn, kiuj okazis sur tiu ĉi teraĵo.

Miaj kunvojaĝantoj estis precipe serbaj soldatoj kaj oficiroj, revenantaj por kelkaj tagoj al siaj hejmoj. Inter ni komenciĝis disputado pri la „malbono de l'tago". La aferoj estas konataj, kaj mi ne volas priskribi ilian terurecon. Nur kiam miaj serbaj kunfratoj komencis pasie sin laŭdi, mi nevole rememoris antaŭnelonge legitan artikolon de franca eminentulo S-ro Dantec, kaj al mi ŝajnas, ke li estas prava dirante, ke eterna paco ne povas ekzisti. Ĝi nur provizore povas daŭri ĝis kiam la komuna malamiko estos venkita; al mi ekŝajnis nun, ke la balkana ligo ankaŭ estis nur provizora . . . la ceteron mi ne volis pensi — ĝin montros la tempo.

Kiam en la malproksimeco ekbrilis la perono de l'*Caribrod*'a stacidomo kaj mi ekpensis, ke nur post tri kilometroj troviĝas la landlimo, mia koro denove fleksiĝis, kaj min ekregas granda, premanta nostalgio al Sofia kaj Bulgarujo. Adiaŭ, adiaŭ, kara patrolando, mi vin lasas kun la espero vin revidi!

Post revizio de l'pasporto — kiun oni severe observis — la vagonaro ŝanĝas sian bulgaran uniformon kaj denove ekflugas, nun jam sur la serba tero. Mi enprofundiĝas en memoroj. Ĝuste antaŭ 4 jaroj mi kun konata rusa samideano, S-ro Evstiféieff, vojaĝis kun propaganda celo sur tiu sama vojo. La pasintan jaron mi ĝin pasis duan fojon kun samlandanoj irante al la „Oka". Tiam estis tiel pace, tiel trankvile. Mi rememoris nian infanan kredon en la bono....

Traka-taka... Pfu—pfu... La radoj grincas, kaj la vagonaro flugas kun la revoj ĉiam antaŭen. Ni estas portataj preter iaj sovaĝaj montetoj, senkulturaj kampoj kaj ĉifonaj vilaĝoj, super kiuj la duonnuba ĉielo ŝanceliĝas ekrideti. Jen la lokomotivo gaje fajfas, kaj ni apenaŭ distingas en la vesperkrepusko la lumigitajn konstruaĵojn de l'serba ĉefurbo. Ni haltas ĉe la *Belgrada* malplena stacidomo. Post 2—3 hora noktado en proksima hotelo mi leviĝas kaj frumatene eliras fari viziton al mia serba kolegino F-ino Milica Djuričeva. Post mallonga interparolo kun la afabla familio, mi troviĝas kun ŝi denove ĉe la stacidomo, kie en la bufedo antaŭ glasoj da turka kafo ni havis kelkan tempon priparoli la aktualaĵojn. Kvankam esperantistino kaj socialistino mia serba kunfratino ne povis kaŝi sian patriotismon.

Post agrabla adiaŭo la vagonaro min ekportas tra la granda ferponto super Savo. De tie ĉi malkovriĝas belega vidaĵo al la pitoreskaj bordoj de la senbrua blanka Danubo, kaj mi maŝinsimile ekkantas en mi ĝian prikanton. Fine mi efektive estas en fremdlando! Post nelonge ĉe la bela *Zemuna* stacidomo mi ektrenas miajn kofrojn al la doganejo kaj montras mian pasporton.... — „Vi estas studento?" — min demandas en kripligita serba lingvo la oficisto. Mi jesas per la kapo kaj ektrenas ree mian pakajon al la kupeo.

Pli malproksimen! Pli malproksimen! La suno klare brilas kaj klinas okcidenten. Ni jam vojaĝas tra Hungarujo. Bulgarujo jam malaperis, ĝi restis malproksime. Kaj kial al mi estas tiel agrable en tiu ĉi fremda rando? Vidu, ĉie kampo, kampo, kampo... Tio ĉi estas la vasta ora brusto de la tero, — kaj mi ne havas malgrandan apartan hejmlandon, ĉar ĝi tuta estas mia patrujo...

En la vagono estis multaj diversnacianoj, precipe serbokroatoj, hungaroj kaj germanoj. Kvazaŭ ni ĉiuj estis puŝataj al interparolo kaj ili ne malfruiĝis demandi min pri la Balkanaj aferoj. Sed mi ĉiumaniere penis alkonduki la demandon al nia bela, paciga Esperanto, pri kiu paroli estas al mi multe pli agrable. — Mi devis profiti la okazon diskonigi nian noblan aferon kaj varbi. Mi parolis iom bulgar-serbe por esti komprenata kaj tradukata germanen, kaj dume oni tre facile spertis la bezonon de internacia interkomprenilo. Scivolemuloj ne mankis, kaj kiam mi hazarde trovis serban junulon, kiu antaŭnelonge estis konatiĝinta kun Esperanto kaj ekparolis, multaj estis konvinkitaj kaj kaptitaj por nia ideo...

*(Daŭrigota.)* *Iv. H. Krestanof* (Dijon).

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **Internacia protektado de la laboristoj.** — En januaro 1913 la Svisa Federala Konsilantaro proponis al la Eŭropaj ŝtatoj kunvoki novan konferencon por la internacia protektado de la laboristoj. Tiu konferenco malfermiĝis en Berno la 15 septembro 1913. Partoprenas la registaroj de Aŭstrio-Hungario, Belgujo, Britujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo, Luksemburgo, Nederlando, Norvegujo, Portugalujo, Rusujo, Svedujo kaj Svisujo. La temoj de la diskutoj estas la malpermeso de la industria dumnokta laboro de la junaj laboristoj kaj la limigo, je 10 horoj maksimume, de la labortago de la virinoj kaj junaj laboristo, okupataj en la industrio. Krom tio kunvenas speciala komisiono por la starigo de interkonsento pri la perioda komunikado de informoj rilataj al la leĝoj de laborista protektado. — *H. H.*

.·. **Mondkongreso de la Poŝta Unio.** — Pro la Balkanaj okazintaĵoj, tiu kongreso, kiu estis okazonta en septembro 1913, estas prokrastita ĝis septembro 1914; ĝi okazos en Madrido.

.·. **Malaltigo de doganimpostoj.** — La polaj metalurgiistoj ekklopodis pri la malaltigo de limimpostoj al fero eksportata el Germanujo. La motivo estas la manko de fero en la ĉi tiea vendejo. Nuntempe la metalurgiistoj ricevis informon de la komercministrejo, ke la limdepago estas malaltigita ĝis 20 % — *S. Pšenicky.*

.·. **Numerado de la francaj tervojoj.** — Turistoj vojaĝontaj en Francujo plezure ekscios ke, laŭ la iniciato de S-ro Michelin, la famkonata industriisto, tiu mem kiu donis 20.000 frankojn por Esperanta Konkurso inter la francaj junuloj, la vojoj estas, de nun ĉiuj numeritaj, sammaniere kiel la stratoj en la urboj estas nomitaj per tiu aŭ alia vorto. S-ro Michelin cirkuligis tutfrancan petskribon, kiu kolektis milojn kaj centmilojn da subskriboj, inter kiuj tiuj de la Respublika Prezidanto kaj de multaj ministroj. Sekve la registaro akceptis tiun reformon, kies rezultato estas doni al ĉiu vojo de la teritorio iun definitan n-ron kiu, samtempe skribata sur la landkartoj kaj sur la kilometraj limŝtonoj, permesas al la turisto facile kaj senerare vojaĝi.

En Francujo la vojoj estas dividataj laŭ: naciaj vojoj, departementaj vojoj, grandkomunikadaj kaj komuninteresaj vojetoj. Oni do legos sur la ŝtonoj kaj same sur la planoj: N, n-ro...; D, n-ro...; G. C., n-ro...; I. C., n-ro... kaj tiamaniere la piedirantoj kiel la ciklistoj kaj la aŭtomobilistoj vagantaj sur la francaj tervojoj facile kaj rapide atingos sian vojaĝcelon. — *M. G.*

# LITERATURO

## GINEVRA[1]

Ĉi-sube oni trovos pri la prezentado de Ginevra dum la Kongreso notojn, kiuj pro manko de loko ne povis aperi en la Kongresa Gazeto. En unu el niaj venontaj N-oj nia kunlaboranto *Verto* detale reparolos pri Ginevra el literatura vidpunkto.

Ginevra, reĝino de Kimrujo, estas nobla virino, kiu pro korsincera kompato al la mizeroj de l'malsata popolo, volus (mezepoka feministino) kunlabori kun sia edzo la reĝo Arturo. Sed mezepokulino, ŝi renkontis en sia vivo francan kavaliron Lancelot, spritan, belan, viglan, kuraĝan, ankaŭ noblan. Li admire enamiĝis al ŝi, kaj li dezirus... sed li estas gasto kaj amiko de l'reĝo, kaj kavaliro de la Ronda Tablo... sed li ŝin amas... Ankaŭ ŝi estas amema, tamen la devo ŝia estas fideleco al ŝia edzo. Ne, la reĝo ne komprenas ŝian mentalon; troŝarĝita pro regnaj zorgoj, Arturo ne havas tempon por kunrestadi, kaj mem li alkondukigas Lancelot al la reĝino, kiu estis lin time forigInta, por ke li distru ŝin kaj forgesigu „vanajn zorgojn", kvankam ŝi diris:

„... ne povas esti vera ĝojo
en hejmo, kie zorgoj aŭ ĉagrenoj
ne estas dividitaj ankaŭ same!"

Sed jen la tasko de Lancelot, kiun ordonas Arturo:

„Ĉar al vi Dio donis la talenton
ne nur en nobla arto de l'armiloj,
sed ankaŭ en pli dolĉa la uzado
de l'vortoj, de l'parolo plezuriga
al koro kaj oreloj, de l'gracia
belsona frazo kaj de l'sprita ŝerco,
aŭ de l'subtile trafa rimarketo
jen ĝuste eldirita ĉe la taŭga
momento, kaj de ĉiaj delikataj
esprimoj kiuj ĉarmas la spiriton
de l'sinjorinoj. Arto malfacila
kaj tre valora, kiun plej honoras
ĝentilaj Francoj, viaj samlandanoj."

Ĉar la kavaliro estas tre ŝatata de ĉiuj nobelinoj, kiujn ravas liaj ĉarmaj skermaj interparoladoj. Sed malgraŭ tiu admiro de ĉiuj kaj la amema sindonemo de multaj, Lancelot restis fidela al la reĝino, al kiu li sin tutanime dediĉis.

Sed Ginevra estas amata ankaŭ de Modredo, nevo de l'reĝo, Modredo, kiu ruze malkovris la reciprokan amemon de Ginevra kaj Lancelot, kaj perfidema li spionadas ambaŭ, kiujn li volas perfidi kaj denunci al la reĝo, pro akra ĵaluzo. Modredo sin do rampe kaŝis supre de l'ĝardena muro. Admirante rozojn, Lancelot subite ekvidas Modredo'n kaj tuj li konscias lian malnoblan intencon. Sed sprite li lin demandas pri lia sano, pri lia komforta situacio sur la muro, pri lia okupado. Ĉu li desegnas? Ĉu li verkas poezion: „Romanco de lacerto" aŭ „Balado de rampulo"? Ĉu li kaptas papiliojn? Ĉu li fortimigas la birdetojn? Fine Lancelot jetas Modredon en la koton, kie li rampu kun rampaĵoj. Kolere Lancelot riproĉas lian mallojalecon, akre insultas lian perfidemon, kaj perforte lin forkurigas honte kaj malame; Modredo ne pardonos.

L. — Ĉu vi faras desegnaĵon,
Sinjoro?

M. — Ne... bonvolu...

L. — Eble vi
nur skizas la profilon de l'kastelo?

M. — Sed...

L. — Aŭ krajone bildas ĝian turon?

M. — Sed... ĉu...

L. — Pri tiu ĉi kaŝita plia
talento via, ĉiuj en kortego
nesciis plej hontinde.

M. — Sed... mi...

L. — Ĉu,
Sinjoro, vi bonvolos nin honori
montrante foje viajn artajn verkojn?
Tre certe ŝia Moŝto la Reĝino
plezure vidus ilin kaj ni ĉiuj
vin dankos.

M. *(kolere)*. — Ĉu mi povos iam fine
mem ekparoli?... Mi... mi *ne* desegnas!

L. — Sinjoro, ne koleru, tiu arto
Ja estas respektinda inter ĉiuj!
Do, eble vi ĵus verkas poezion
kaj alte sidas vi... por alte pensi?
Ĉu vi titolon de l'poemo jam
elektis? Se ne, mi proponus jenan:
„Romanco de lacerto".

M. *(kolere)*. — Mi...

L. — Ĉu vi
preferus do: „Balado de Rampulo?"

M. — Sinjoro! *(volas malsuprenrampi)*.

L. *(kaptas lian piedon)*. —
Ĉu vi sidas do ĉi-supre
por kapti papiliojn en flugado?
*(Modredo baraktas.)*
Ĉu por dispeli la birdetojn oni
vin lokis tie, kiel timigilon?
*(Same.)*
Ĉu do vin persekutis eble bando
da furiozaj aŭ malsataj hundoj
kaj vi surrampis por eviti mordon?
*(Same.)*
Vi ŝajnas malkvieta, ho Sinjoro!
Ĉu dolĉe vi revadis en silento?
Aŭ ĉu vi pace dormis for de l' tero,
kaj mi subite vekis vin kruele
en mezo de ĉiela sonĝo? Se
mi ĝenis vin, humile mi bedaŭras.
Bonvolu min pardoni Via Moŝto!

M. — Pro Dio lasu min!...

L. — Ho ne, Sinjoro!
Se jam ne plaĉas al vi resti tie,
permesu ke mi helpu vin por salti
malsupren! *(Lin kaptas, levas kaj jetas,
ventron al tero)*.

M. — Haj!

[1] *Ginevra*, originala lirika dramo en tri aktoj, de Edmond Privat. Universala Esperantia Librejo. Fr. 1.25.

L. — Nun rampu kun rampaĵoj!
Kaj hontu vi, serpenta nobelulo!
Malindan okupadon vi plenumas:
Spioni tra l' kastelo kaj ĝardeno
de l'Reĝo, rigardadi kaj aŭskulti,
serĉadi ĝis vi trovas ian
diraĵon aŭ skandalon por malkovri
kaj disfamigi ĉu verdire, ĉu
mensoge, por plezur' diabla; kiel
naŭziga limakaĉo vi treniĝas
en propra koto de l'imago via,
kaj ĉie lasas, kvazaŭ ŝaŭmon kraĉan,
la signon de malpura via penso.
Tro malvirtema por bonfari kaj
tro malkuraĝa por mem peki, vi
pasigas vian vivon komercante
pri kulpoj kaj sekretoj de l'ceteraj,
kaj ĉie vi makulojn serĉas por
disĵeti plej profite kaj difekti
la blankajn spacojn, fidon, amikecon,
Esperon, en la koroj ĉirkaŭ vi.
Jam ofte mi rimarkis vin teksanta
venenajn viajn kaptilaĵojn. Plej
mirinde estas, ke la Fratan Ligon
de l'kavaliroj de la Ronda Tablo
vi ne jam dismordetis kiel honta
vermaĉo en belega dolĉa frukto!
Ho, nigra birdo de la malbonfamo,
foriru! ho, spiono! mi ne ŝatas
ektrovi vin sur vojo, antaŭ mi.
Forkuru de ĉi-tie! for de mi!
Malpura lango! Pli rapide for!

Modredo *(pene leviĝis kaj nun foriras murmurante).*

Nun sekvas tre vigla kaj milda amdueto inter Ginevra kaj Lancelot, nun fine solaj kaj trankvilaj. En ĝi estas la tuta karaktero de la „kortegoj de amo" (cours d'amour), kaj oni kredus rekoni la voĉon de tiuj sudfrancaj „troubadours", la poetoj kaj kantistoj favorataj de l'kastelaninoj. Post interna batalo, Ginevra jam ne plu rezistas kaj sin treme kaj rave allasas al la kavaliro. Ili ĉion forgesas, kio ne estas amo aŭ poezio; la aero estas por ili „strange harmonia" kaj en ŝia koro „kantas rememoroj kaj vibras en melankolia, jen gaja, jen malgaja melodio."

Tamen nun ili memoras la ĵaluzan envian malamon de Modredo, kaj precipe ŝi jam antaŭe tremtimas lian venĝon.

Sceno de la Ronda Tablo estas al ni prezentata. Kavaliroj trinkas kaj tostas. Sed Modredo rifuzas trinki por la sano de Lancelot. Emocio! Kial? Kaj kalumnie li atakas lin, li atakas lian amatinon Ginevra'n, li atakas lian reĝan amikon Arturo'n. Tiuj firakontoj naskas disputon inter la kavaliroj de la Ronda Tablo, kiuj kune unuanime riproĉas al Modredo liajn malverajn dirojn. La diskuto laŭtiĝas, kiam ili lin forlasas, ne volante plu rilati kun li. La reĝo Arturo, kiu aŭdis la bruon, envenas kaj demandas al Modredo la kialon. Perfide, malkuraĝe, ruze, Modredo enigas en la spiriton de l' reĝo dubon pri la virto de Ginevra kaj pri la honesteco de Lancelot; Arturo ne volas kredi, sed la mensogveneno tamen efikas, kaj la reĝo lasas al Modredo la mision spionadi la geamantojn: la reĝo kredigos, ke li forvojaĝos vespere, kaj Modredo surprizos Lancelot.

En ĉambron de l'reĝino, Lancelot vespere venas rendevue; oni lin avertis, ke li malfidu al Modredo, kiu povus lin nokte ataki dum reveno, sed li ne timis frapon, ĉar li estis promesinta, ke li venos. Tamen Ginevra ne estas sentima, kiam bruo ekaŭdiĝas malantaŭ la pordoj; nobeloj insultas Lancelot hontigante lin, ke li estas trovata nokte ĉe l'reĝino. Ginevra singulte tremas pro timo, dum Lancelot postulas armilon ebligontan, ke li venĝu ilian ofenditan honoron. Armilo estas nur lia glavo, sed li ne havas ŝildon nek alian protektilon. Ginevra ĝemas, ke ŝi mortos bruligita sur ŝtiparo; la insultoj fariĝas pli akraj, tiam Lancelot ekkrias:

„Pli bone morti ol ĝin plu suferi."

Li adiaŭas al Ginevra, kisas ŝian manon kaj petas, ke ŝi preĝu por lia animo.

Lancelot malfermetas la pordon kaj enlasas nur unu kavaliron, kiu tuj morte falas frapita de Lancelot; li surmetas la armaĵon de l'mortigito, ekkuras kuraĝe dekstren kaj maldekstren pik- kaj tranĉofrapas la kavalirojn malantaŭ kiuj sin mallojale kaŝas Modredo; ĉiuj estas mortigataj, escepte la perfidulo, kiu honte forkuras. Sed Lancelot ne venkas glore, nur malĝojege: li rompis la interkonsenton de l'kavaliroj de la Ronda Tablo, li ŝiris ilian fratan ligon. Kaj li rompis la amon inter Ginevra kaj si, kaj li ŝiris ilian koron. Ginevra ne volas lin sekvi al lia lando; nur se la reĝo ordonos ŝian morton, ŝi akceptos, ke li ŝin konduku al monaĥinejo

por savi min de fajro kaj de kulpo

ĉar virino kaj timema ŝi tamen estas.

La dramo de Edmond Privat estas precipe studo de karaktero. Kvankam lirika dramo, ĝi estas nepre klasika; la tri unuecoj (tempo, loko, agado) estas ĝuste obeataj. Kvankam nia eminenta literaturisto Verto baldaŭ aperigos sian beletristikan recenzon pri Ginevra, ni ne povas nin deteni el la plezuro laŭdi la poezion de l'ideoj kaj la harmonion de l'vortoj, kiuj tre impresis la ĉeestantojn ili tiam sentis tre altan artĝuon. Tiu dramo ne estas vivo, ĝia aŭtoro malcelis tion; sed ĝi estas simple belega teatraĵo. Ĝi estas la unua tre atendinda originala teatraĵo en Esperanto.

La aktoroj havis la sukceson, kiun ili meritis. Jam konataj de ni, S-ino Bertrijn kaj S-ro Verstraete, el Antwerpen, tre ĝuste prezentis al ni la du geamantojn. Kvankam la poezia ritmo estis dusilaba, ili ĉiuj tre bone akcentis ne tedante per unutoneco. Post la unua horo matene ni liberiĝis; sed malgraŭ nia laceco, ni estis ĉiuj tre agrable impresataj de tiu verko, kiu estos ĉefverko de Edmond Privat.

LUPO.

## ESPERANTISMO

### EĤOJ DE LA KONGRESO

**Tria ĝenerala labora kunsido.** — Ĝi okazis sabaton 30 aŭgusto sub prezido de S-ro Stettler. Protokolo de antaŭa kunveno, legata de S-ro Chavet, estas akceptata. S-ro Pitlik, el Praha, diras kelkajn vortojn pri sia paroladvojaĝo. S-ro G-lo Sébert proponas la demandon: ĉu niaj kongresoj devas ĉiujare okazi? ĉiuokaze la Xa estos en Paris en 1914. La KKK opinias, ke ne ekzistas sufiĉaj motivoj por ŝanĝi la ĝisnunan farmanieron. Proponoj por 1915 estas faritaj por Edimburgh kaj por San Francisko (pro la ekspozicio okaze de la inaŭguracio de la Panama Kanalo). La KKK opinias, ke, escepte, oni povus fari du kongresojn. S-ro K-lo Pollen legas leteron de S-ro Mudie, kiu opinias, ke nun estas tro frue por kongresi nur ĉiun duan jaron. S-ro Warden faras oficialan inviton por 1915 al Skotlando, je l'nomo de Skota Federacio kaj de Brita Asocio; li prezentas statistikon pri la proporcio de kongresanoj, laŭ kiu oni konstatas, ke Skotoj estas tre kongresemaj, kaj oni varme aplaŭdas; cetere ekzistas jam garantia kapitalo da 20.000 frankoj. Unuanime estas akceptita fari kongreson ĉiujare. S-ro Chavet proponas fari du kongresojn en 1915; sed ĉu la Skotoj akceptos, ĉu San Francisko ankaŭ akceptos? Fine estas decidite, ke en 1915 estos unu universala kongreso (unu voĉo ne aprobas), kaj ke la XIa okazos en Edimburgh (unuanime). Laŭ propono de S-roj Boirac kaj Chavet, oni konsilos fari en 1915 en San Francisko tutamerikan kongreson kaj sendi al ĝi Delegitojn de Eŭropaj landoj. S-ro Kronenberg proponas starigi monumenton por honori D-ron Zamenhof; sed ĉi tiu simple respondas: „Nia laborado estas la plej bona monumento“. Fine S-ro Rollet de l'Isle donas informojn pri la Xa Kongreso en Paris.

**Muzika vespero.** — Sabaton vespere en la Kazino okazis la lasta koncerto, kiun partoprenis diversaj artistoj, inter kiuj la majstro Locher. Sed tiu festo estus pli ĝuste nomita harmonia vespero. Sub prezido de S-ro Privat, kiu diris tre trafajn vortojn, okazis tre grava manifestacio. S-ro Harrison Hill, je la nomo de la eksurbestro de London, S-ro Vezey Strong, parolis pri la Mondamikiĝo, kaj instigis la kongresanojn al subskribo por tiu asocio. Sekvis interesa sceno inter S-ro G-lo Sébert, ano de la Franca Instituto, je la nomo de l'francaj samideanoj, kaj S-ro advokato Schiff, el Berlin, je la nomo de l'germanaj. Post paroladoj ambaŭ kore premis reciproke la manojn dum entuziasma aplaŭdado de l'ĉeestantoj. Ni en venonta numero publikigos paroladojn.

**Solena ferma kunsido.** — Dimanĉon matene jam estis forveturintaj multaj kongresanoj. Pro tio tiu kunveno ne estis tiel grava, kiel oni estus povinta esperi. La ĉefa parto konsistis en disdono de l'premioj pri la oratora konkurso. S-ro Privat devis fari literaturan paroladon; sed senkompate la ŝatinda akurata prezidanto S-ro Stettler ne permesis, ke li sufiĉe parolu; li nur aludis pri la nepra neceso de pli ĝusta atento pri la tonika akcento; li trovis taŭgajn vortojn por laŭdi kaj kritiki la konkursintojn. S-ino Hankel poste disdonis la premiojn. Kompreneble, kaj neniu dubis pri la rezultato, S-ro Pichon (Paris) ricevis la unuan premion; ni antaŭsciis lian sukceson, pro tio ni lin plej severe juĝis raportante pri la konkurso, ĉar li havas veran talenton; duan premion ricevis S-ro Mahn (Breslau). Sekvis parolantoj el diversaj nacioj, kaj fine ĉiuj foriris al la monto Gurten.

**Festo sur la monto Gurten.** — Okazis la manovroj de Ruĝa Kruco, kaj pri ili ni povas nur diri, ke estonte estus eble preferinde ne plu organizi ilin tiel. Post la festeno estis diversaj popolaj ludoj, kaj la fama aviadisto Bider, kiu transflugis la Alpojn, aerveturis je la honoro de la kongresanoj; post sia alteriĝo li aliĝis al la honora komitato de l'Kongreso. — L. P.

**Karavano de UEA tra Svislando.** — Kvankam ĝi estis en kvin tagoj improvizata de S-ro Poncet, Del. en Lyon, tiu karavano kunigis 25 Esperantianojn el 7 landoj: Belgujo, Britujo, Francujo, Germanujo, Nederlando, Portugalujo kaj Rusujo. Bela vetero ĝin favoris dum la kvar tagoj, escepte dum kelkaj horoj. Tra Interlaken, intermonto Brünig, lago de l'kvar kantonoj, Rigi-Kulm, Luzern, Flüelen, lago de l'kvar kantonoj kaj Zürich ĝi revenis en Bern ĵaŭdon vespere.

**Fakaj kunsidoj.** — *Junuloj kaj studentoj.* — La 29 aŭgusto okazis la dua kunveno sub prezido de S-ro Krestanof. Post diskuto inter S-roj Olŝvanger kaj Privat, S-ro Krestanof rimarkigas, ke Universala Studenta Asocio ne havas konkurencanton kaj helpas al UEA. Pri la demando, ĉu la Esperantista studentaro kapablos vivigi tiun organizaĵon, S-roj Olŝvanger kaj Pichon malkonsentas pri Esperantismo. S-roj Pichon kaj Privat parolas pri la rilatoj de la studentaro kun UEA. (Oni tiam salutas la ĉeeston de la Rektoro de la Bern'a Universitato.) La demandon priparolas ankaŭ S-roj Holŝwanger, Mahn, Kröber kaj Marchand. S-ro Privat opinias, ke kvankam ĝi ne alpetis ilin, UEA ĝoje akceptos la studentojn. La plimulto aprobas proponon de S-ro Pichon por fakiĝo en UEA. S-roj Olŝvanger kaj Pichon malkonsentas pri oportuneco de studenta gazeto; cetere ne estus nun vivrimedoj por ĝi. Oni esprimas dankojn al S-ro Privat pri lia helpo. — R. C. P.

---

### KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Göteborg* (Sved.). — La estraro de la antaŭ nelonge fondita grupo nun estas: S.: C. Ohlsson, K.: Fegroens. La ĝisnuna prezidanto S-ro J. Huysmans reiris al sia hejma urbo. — C. O.

*Konstantinov* (Rus.). — S-ro A. Bialocerkievski, Del., organizas societon. La peto estas jam sendita al la guberniestro. — J. Ŝ.

**Novaj kursoj.** — *Sèvres apud Versailles* (Franc.). — S-ro Chilard, Del. en Versailles, faris kurson tre bonsukcesan al 15 junuloj. — L. C.

*Sidi-Abdallah* (Tunizio). — Kelkaj maristoj sukcesis krei inter si kursojn en la kazerno. Dank'al la afableco de la oficiroj kaj precipe de la kapitano S-ro Cabon ili ricevis malgrandan ĉambron, kie ili kunvenas kaj lernas nian lingvon. Oni antaŭvidas fervoran agadon en tiu soldatejo. — L. M.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Dua Hungarlanda Kongreso.* Ĝi okazis la 19—21 aŭgusto en Arad. La Kongreso, aprobante la agadon kaj klopodojn de UEA, decidis, por disvastigi la organizon de la Asocio, varbi kiel eble plej multe da Esperantiaj Entreprenoj kaj starigi novajn Delegitojn en ĉiuj sufiĉe grandaj urboj de sia lando. — A. V.

*Unua Nederlanda Kongreso.* — Malgraŭ tio, ke la partoprenintoj al tiu kongreso, kiu okazis la 26—28 julio en Hago, estis nemultaj, la sukceso estis tamen bona kaj lasos en la memoro de ĉiuj kongresanoj agrablan impreson. La 26 julio, post akcepto en kafejo „Hollandais“, oni rigardis la ĉefajn vidindaĵojn de la urbo. Post la lunĉo okazis

promenado al „Huis ten Bosch". La posttagmezon oni pasigis en Scheveningen. La 27 matene okazis la kunsido de L. E. E. N. Kelkaj promenadoj kaj vizitoj plenigis la reston de la tago. La 28 estis por la plimulto la plej interesa tago pro la boatekskurso tra la pentrindaj holandaj riveretoj kaj lagoj — H. C. M.

*Antwerpen* (Belg.). — La ordinara kunveno de la grupo „Suda Lumo", okazinta la 4 septembro, havis grandan sukceson, ĉar neatendite ĝin vizitis 2 rusaj samideanoj kaj 11 angloj revenantaj el Bern. — La sama grupo antaŭ nelonge aranĝis grandan esp. koncerton, dum kiu oni prezentis diversajn esp. kantojn kaj kiu tre bone sukcesis. Lokaj ĵurnaloj favore raportis. — L. A.

*Barcelona* (Hispan.). — La 10 aŭgusto la grupo „Esperanto kaj Patrujo" organizis propagandan ekskurson, kiu havis tre bonan rezultaton kaj dum kiu oni disdonis multajn propagandilojn. — A. P.

*Barcelona* (Hispan.). — La societo „Paco kaj Amo" organizis ekspozicion de esperantaĵoj, kiun ĝi malfermis la la 15 aŭgusto. Tiu ekspozicio bonege sukcesis. Pli ol 4000 poŝtkartoj el diversaj landoj, gazetoj, ĵurnaloj, libroj k. t. p. estis ekspozitaj, kaj aranĝita ankaŭ speciala fako por UEA. La publiko multnombre vizitis la ekspozicion kaj interesplene rigardis la elmetitajn objektojn. — La 20 aŭgusto la sama societo pasigis tre agrablan vesperfeston pro la vizito de S-ro J. Solsona, fervora grupano. — B. B.

*Bognor* (Angl.). — La 9 aŭgusto okazis sub prezido de S-ro S. T. Davies, Portsmouth, publika propaganda kunveno. La aranĝoj estis tre bone faritaj de S-ro G. N. Travis, Del. en Bognor. — F. A. G.

*Dresden* (German.). — „Societo Esperanto Dresden", la plej granda kaj plej malnova el la Dresdenaj Esperantogrupoj, malfermos la 1 oktobro en la domo Pirnaische Strasse 50 propran klubhejmon, ligotan kun legoĉambro, biblioteko kaj la oficejo de Germana Esperanto-Asocio kaj Saksa Ligo. La hejmo estos ĉiutage malfermata de matene ĝis vespere kaj estas je dispono de ĉiuj Dresdenaj Esperantistoj; fremdaj Esperantistaj gastoj estas kore bonvenaj kaj ĉiam tie trovos samideanojn, ankaŭ ricevos ĉiujn informojn. Ni petas ilian viziton! — La loka ligo de Dresden aranĝas la 14 septembro feston en „Künstlerhaus".

*Kladno* (Aŭstrio). — La esp. ekspozicio, aranĝita de la ĉi tiea esp. grupo de la 15—26 aŭgusto bonege sukcesis. La riĉa materialo konsistanta el ĉiuj fakoj de la esp. literaturo kaj ankaŭ el ekspozicio de UEA, tre interesis la multnombrajn vizitantojn kaj konvinkis ilin pri la grava utilo, kiun alportas helplingvo. La lokaj ĵurnaloj raportis pri tiu ekspozicio per longaj kaj tre favoraj artikoloj. — B.

**Paroladoj.** — *Bradford* (Angl.). — S-ro J. Holmes, prez. de la Esp. Societo, parolis antaŭ junula kunveno, ĉe Great Horton dimanĉa lernejo, pri: Mondprogreso kaj Esperanto; 19 junuloj aŭskultis, kaj post la parolado oni akceptis aliĝojn al kurso. S-ro Holmes konsentis fari paroladon la 14 decembro pri: La vivo kaj la laboro de D-ro Zamenhof.

*Davos-Dorf* (Svis.). — La 7 aŭgusto S-ro D-ro W. Marchand faris propagandan paroladon pri; Internacieco de la kulturo, Esp. kiel helplingvo, UEA k. t. p. — W. M.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *UEA kaj enketoj.* — La franca gazeto de la kolegiaj profesoroj *(Le Journal des Collèges)* entreprenis enketon pri la morala kaj materia situacio de la diverslandaj kolegiaj profesoroj. S-ro P-ro Bord, Del. de UEA en Beaune estis komisiita fari tiun enketon precipe pri la landoj, kies lingvo estas malmulte konata en Francujo. Dank'al niaj Del. li povis ricevi detalajn informojn el Portugalujo, Nederlando, Hungarujo, Bohemujo, Aŭstrio, Danujo, Svedujo, Rumanujo, Ĥinujo, k. t. p. Tiuj informoj aperis en franca traduko. Imitinda uzo de Esperanto!

.˙. *Lingva Komitato.* — La elekto de novaj Lingvokomitatanoj liveris la jenajn rezultatojn: Voĉdonintoj 36. Ricevis S-roj Cossaro 16 voĉojn, Delvaux 25, Ferter 20, Galceran Ferrer 14, Gran Casas 24, Krestanof 24, Lundgren 27, F-ino Pulvers 24, Török 23. Sekve, S-roj Delvaux, Ferter, Gran Casas, Krestanof, Lundgren, F-ino Pulvers, Török estas elektitaj. — O. G.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *La Revuo* (septembro). *Carlo Bourlet* (G. Chavet):

„... Carlo Bourlet posedis ĉiujn kvalitojn, kiuj faras la homkondukantojn. Li atentis pri la opinio de ĉiuj, li amis la justecon, la toleremon, la bonkorecon, li estis simpla kaj lojala, ĉiam bonhumora. Por ni li estis ekzemplo mirinda de laboro kaj sindonemo. Kiam oni vidis lin akcepti ĉiujn taskojn, senlace klopodi, gaje labori, kun la sola priokupo esti utila al nia afero, oni entuziasme grupiĝis ĉirkaŭ li. Kaj kiam li disdonis al siaj kunlaborantoj la taskojn, kiujn li mem ne povis fari, ĉiu el ni gaje akceptis la parton al li rezervitan, kaj ne unu momenton ni pensis, ke ni povus rifuzi..."

.˙. *Le Monde Espérantiste* (julio). *Esperantismo* (Raymond Evrot):

„... Esperanto do estas ne pura sciencaĵo, sed ankaŭ kaj precipe artaĵo. El arto kaj vivo ĝi tiris sian ekziston; al ili ĝi ŝuldas sian unuecon kaj harmoniecon. Tiu arta karaktero etendiĝas eĉ sur la plej humilan parton de la Zamenhofa verko, kaj la sciencista kritikisto, kiu flanken metus tiun econ ne povus eldiri ĝustan kaj kompletan opinion. Estas ja tiu arteco, kiu plej profunde diferencigas Esperanton de ĉiuj aliaj internaciaj lingvoj. Dank'al tiu kompreno, ni vidos plej klare la funkcion de nia Fundamento. En artaĵo kaj intuiciaĵo la partoj ne estas memstaraj kaj fakaj kiel en pura materio; sed ili kunfandiĝas, daŭras en la tuto, kaj estas subigataj al ĝi: la partoj ne estas bonaj en si mem, sed nur en la mezuro laŭ kiu ili akordiĝas kun la tuto. Kio el proksime ŝajnas makulo en pentraĵo, el malproksime fandiĝas harmonie kun la tuto kaj ne plu vidiĝas aparte. Konsekvence, juĝo pri la taŭgeco de unu parto, devas sin apogi ne nur sole sur tiu parto, sed sur la tuto, en kiu la parto estas enfandita; praa, fundamenta devas esti la vido de l'tuto... Nun, ni komprenas kiel „io" estas „nekaptebla" en nia lingvo. Ni vidas, ke la sento de l'tuta lingvo devas nin gvidi, kiam ni verkas. Ni scias fine, ke tuteco povas esti nur simpatie, intuicie konata. Sed ankaŭ alian aferon klarigas tiu studo; ĝi montras al ni, kial kaj kiel estas necesa Fundamento en tia lingvo, kia estas la nia. Se, efektive, nia lingvo estas tuteca, se estas en ĝi „io nekaptebla" nomata la spirito, ni devas plej zorge atenti, ke la logikaĵoj ne forpremu ĝin kaj dispartigu la lingvon. Tial devas esti malmultaj reguloj; tial ili estas nur kelkaj en nia Fundamento. La artisto, kiu verkas, absolute obeas nur kelkajn malmultajn regulojn; tromulteco de reguloj ne povas konveni al lia unueca, tuteca sento; li spertas, ke sistemigoj ne altaŭgiĝas al lia arta impreso, kiu estas ne „aĵo", sed tendenco. Multigi regulojn estas malunuigi; en nia lingvo, tia multigo turnigus nian atenton al detalaĵoj, kaj ni forgesus la spiriton. Artaĵo kreas la regulojn, sed reguloj ne povas krei artaĵon; la reguloj naskiĝas el la disvolviĝo de l'verko; sed la artisto nur elektas apriorie kelkajn regulojn, kiuj gvidas lin, kiel mureto malhelpanta vojeliron. Eĉ la reguloj, kiuj nature kreiĝas ne povas plene enkapti la verkon; ĉiam „io" kaj tiu „io" estas plej grava, forpasas el la reguloj. Tial Zamenhof

al ni donis Fundamenton: li komprenis, ke lia verko ne estas nur scienca, sed arta; ne nur logika, sed senta; li konsciis, ke sistemigoj rompus la unuecon, kiun li genie sukcesis enmeti en sian lingvon; li sentis, ke li ne povas antaŭvidi la iĝon de sia verko, kaj donis al ĝi nur antaŭgardajn regulojn, vastajn kaj pritendencajn..."

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Rhätische Volkszeitung* (1 aŭg.); *Stadt-Anzeiger*, Köln (8 aŭg.); *Recklinghäuser Zeitung* (13 aŭg.); *Wilmersdorfer Zeitung*, Berlin (18 aŭg.); *Neues Tagblatt für Stuttgart* (18 aŭg.); *Nürnberger Zeitung* (21 aŭg.); *Potsdamer Zeitung* (21 aŭg.); *Emser Zeitung* (29 aŭg.); *Dortmunder Zeitung* (29 aŭg.); *Der Bund*, Bern (2 sept.); *La Tunisie Française*, Tunis (22 julio); *Feuille d'Avis des Montagnes*, Le Locle (29 aŭg.); *Journal de Genève* (4 sept.); *The Citizen*, Letchworth (20 junio); *The Queensland Times* (14 julio); *The Warwick Examiner* (30 junio); *The Manchester City News* (9 aŭg.); *The Bailie*, Glasgow (27 aŭg.); *Montpellier Morning Journal* (26 aŭg.); *Svoboda*, Kladno (23 aŭg.); *Nautisk Tidskrift*, Göteborg (aŭg.).

Multaj jurnaloj aperigis favorajn raportojn pri la Kongresoj en Bern, Stuttgart, la Genta Semajno kaj kelkaj rusaj gazetoj pri la Tutruslanda Kongreso en Kiev.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kvara Kongreso de UEA.** — Ni ĉi-sube publikigas la tekston de la diversaj deziresprimoj akceptitaj de la kvara Kongreso de UEA:

**Raporto 1a** (Agado de UEA)

La kvara Kongreso de UEA aprobas la raporton de la direktoro pri la lastjara agado de la Asocio. Konsiderante, ke la multmembreco estas por UEA grava elemento de forto kaj progreso, ĝi petas, ke dum la venonta jaro la delegitoj energie klopodu por la konservado de la ĝisnunaj kaj varbadoj de novaj membroj kaj novaj esperantiaj entreprenoj, tiel ke UEA baldaŭ kalkulu eĉ pli grandan nombron de membroj, ol ĝi havis antaŭ la plialtigo de la kotizajo.

**Raporto 2a** (Financa Raporto)

La kvara Kongreso de UEA, aŭdinte la raporton de la vicdirektoro kaj financa fakestro, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron, ke estu akceptataj la kalkuloj de l'jaro 1912—1913 kaj la buĝeto por 1913—1914 kun samaj kotizajoj kiel ĝis nun.

**Raporto 3a** (Interŝanĝa Fako)

La kvara Kongreso de UEA aprobas la raporton de la fakestro de la Interŝanĝa Fako kaj esprimas sian kontentecon pri la bona stato de tiu fako.

**Raporto 4a** (Studenta Fako)

La kvara Kongreso de UEA aprobas la raporton de la fakestro de la Studenta Fako kaj instigas ĉiujn studentojn nepre aliĝi al la dirita fako.

**Raporto 5a** (UEA kaj neesperantistoj)

La kvara Kongreso de UEA esprimas la deziron, ke UEA oficiale akceptu kiel membrojn ankaŭ neesperantistojn kaj instigas la delegitojn varbi en la neesperantista publiko.

**Raporto 6a** (Pri Esperanto-diplomoj)

La kvara Kongreso de UEA, aŭdinte la raporton de S-roj Bord kaj Rousseau, aprobas iliajn konkludojn kaj rekomendas ilin al iu kreota Universala Komisiono por Instruado de Esperanto.

**Raporto 7a** (UEA kaj ŝovinismo)

La kvara Kongreso de UEA, dankante S-ron Rousseau pro lia raporto, principe akceptas ĝiajn konkludojn, kaj deziras, ke okaze de la revizio de la statuto oni enkonduku en ĝin la ĉefajn ideojn esprimitajn en tiu raporto.

**Raporto 8a** (Universala poŝtmarko)

La kvara Kongreso de UEA pro manko de tempo prokrastas la raporton pri Universala poŝtmarko ĝis la venonta kongreso.

* * *

**Diversaj deziresprimoj**

La kvara Kongreso de UEA esprimas al S-ro Hodler siajn dankojn por lia sindonema kaj malegoista laborego, dank'al kiu sola nia Asocio povis en la daŭro de kvin jaroj sukcese venki ĉiujn malhelpajojn kaj fine alveni al ĝojiga prospera stato.

La kvara Kongreso de UEA esprimas sian dankon al S-ro Stettler pro lia bona kondukado de la Financa Fako.

La kvara Kongreso de UEA denove esprimas la deziron, ke la Virina Fako havu pure virinan karakteron kaj ne feministan, kaj ke ĝi klopodu trovi pli da membroj.

La kvara Kongreso de UEA esprimas la deziron, ke la venonta kongreso okazu en Parizo, sed lasas firman decidon al la Komitato.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 18.125 |
| 78. Nikolas Rishkov, Kursk | 125 |
| 79. D-ro Arnhold, Dresden | 125 |
| 80. L. Schiff, Berlin | 125 |
| 81. E. Mallet, Genève | 125 |
| 82. B. P. Megahy, Breston | 125 |
| 83. J. F. Dinslage, London | 125 |
| 84. S-ino L. Tissot-Martin, Basel | 125 |
| 85. W. Kawecki, Varsovio | 125 |
| 86. Kolonelo J. Pollen, London | 125 |
| 87. L. Istel, Wiesbaden | 125 |
| 88. S-ino E. v. Betegh-Szentmariay, Budapest | 125 |
| 89. Ernst Schilling, Bern | 125 |
| 90. J. Etard, Rouen | 125 |
| 91. V. O. de Allende | 125 |
| 92. S-ino A. Farges, Lyon | 125 |
| Frankoj | 20.000 |

Entute (ĝis la 5 septembro) 92 Garantiantoj mendintaj 160 atestojn, valoro 20.000 frankoj (8000 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 aŭgusto 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5953 kotizajoj (el kiuj 145 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 410; Laborista Fako: 23; Virina Fako: 54; Studenta Fako: 40.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondajoj en la C. O. de UEA dum aŭgusto 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandataj |
|---|---|---|
| 946 | 773 | 102 |

Tuta sumo: 1821. Antaŭa monato: 3795. Antaŭa jaro (sama monato): 1540.

## Financoj.

*Konteltiro de UEA por la monato aŭgusto 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 414. 20 | Oficejo | 56. 35 |
| Subtenantoj | 10. — | Salajroj | 410. — |
| Entreprenoj | 36. 10 | Korespondado | 25. — |
| Jarlibro | 32. 30 | Jarlibro | 50. — |
| Adm. Enspezoj | 2. 65 | Adm. Elspezoj | 2. 10 |
| | Fr. 495. 25 | | Fr. 543. 45 |
| Saldo | „ 48. 20 | | |
| | Fr. 543. 45 | | Fr. 543. 45 |

**Honora tabelo de la Delegitoj.** — Ĉe la festa malferma kunsido de UEA, la Direktoro de UEA legis la suban nomaron de la Delegitoj, kiuj malgraŭ la duobligo de la kotizaĵo, varbis en 1913 pli ol la du trionojn de la membroj varbitaj dum 1912, kondiĉe ke la nombro atingu almenaŭ 20 (voĉdonrajtaj Delegitoj). En la nomo de UEA li alsendis al tiuj Delegitoj la esprimon de la dankado de nia Asocio pro ilia fervora laboro.[1]

(En la tabelo, la Delegitoj estas citataj laŭ la alfabeta vico de siaj regionoj.)

| Nomo | Regiono | Membroj 1912 | 1913 |
|---|---|---|---|
| *I. Semizorov* | Astraĥan | 32 | 35 |
| *J. S. Russell* | Auckland | 33 | 30 |
| *A. Sabadell* | Barcelona | 72 | 26 |
| *B. Bellver* | Barcelona | | 23 |
| *Chr. Sostmann* | Berlin | 61 | 45 |
| *G. Mahn* | Breslau | 71 | 60 |
| *R. Stracke* | Bochum | 14 | 20 |
| *E. Haine* | Bruxelles | 22 | 20 |
| *W. Hu* | Canton | — | 35 |
| D-ro *F. Wicke* | Chemnitz | 16 | 22 |
| *L. de Tapia y Tellez* | Cordoba | 30 | 31 |
| F-ino *E. Herzog* | Davos | 10 | 20 |
| D-ro *T. Sigel* | Detroit | 32 | 30 |
| *T. Rousseau* | Dijon | 58 | 42 |
| *J. Karsch* | Dresden | 150 | 140 |
| *L. Scarselli* | Firenze | 29 | 39 |
| *G. Douglas-Buchanan* | Glasgow | 22 | 22 |
| *H. C. Mees* | 's-Gravenhage | 66 | 44 |
| *J. H. Wouter-Habermehl* | Haarlem | 37 | 25 |
| *Fr. Roever* | Hannover | 47 | 42 |
| *H. Przybylski* | Kaliŝ | 49 | 31 |
| *J. Schwaiger* | Königsberg | 25 | 21 |
| *St. Rudnicki* | Krakow | 49 | 32 |
| *S. Börgermann* | Krefeld | 22 | 20 |
| *B. J. Klingenberg* | Kristiania | 35 | 24 |
| *G. Jégu* | Laval | 21 | 20 |
| *B. Koetz* | Leipzig | 24 | 21 |
| *G. D. Lewis* | Liverpool | 27 | 21 |
| *A. H. Epstein* | London | 182 | 222 |
| *L. Poncet* | Lyon | 42 | 51 |
| *V. Alonso Sanz* | Madrid | 22 | 20 |
| *J. Rebouillon* | Marseille | 31 | 34 |
| *St. Szabuniewicz* | Moskvo | 127 | 114 |
| *C. H. Perret* | Neuchâtel | 23 | 20 |
| *J. Silbernik* | New-York | 46 | 49 |
| *J. Camescasse* | Paris | 144 | 122 |
| *H. W. Hetzel* | Philadelphia | 19 | 25 |
| *H. Albrecht* | Rheine i. W. | 17 | 20 |
| *F. M. Porosjukov* | Rostov na Donu | 23 | 25 |
| *Fr. Chierego* | Trieste | 21 | 22 |
| *N. Foss* | Ufa | 26 | 24 |
| *R. Albiol* | Valencia | 42 | 28 |
| *W. Hirszovski* | Varsovio | 85 | 63 |
| *H. Pfaff* | Worms | 27 | 26 |

[1] La sumo de la membroj varbitaj de tiuj 44 Delegitoj reprezentas proksimume la trionon de nia tuta membraro.

## Novaj Delegitoj.

*Alameda* (Usono, California). — VD.: M. G. Gill.

*Alfred* (Usono, New-York). — D.: Lloyd R. Watson.

*Annaberg* (Germanujo, Sachsen). — D.: Friedrich Saphra, Gr. Kirchgasse 5.

*Annapolis* (Usono, Maryland). — D.: James L. Smiley, 130, Prince George str.

*Annville* (Usono, Penn.). — D.: G. S. Brown, P. D. Box 155.

*Ann-Arbor* (Usono, Michigan). — D.: Ernst Schumann, 420, Benjamin str.

*Asherville* (Usono, Kansas). — D.: W. L. Collins.

*Benson* (Usono, Nebraska). — D.: R. Timmler, 340 N. 56 Ave.

*Cedar Rapids* (Usono, Iowa). — D.: James Ellis Gow, 1338 A. Ave. East.

*Corvallis* (Usono, Oregon). — D.: J. A. C. Mills, 321 N. 4th. street.

*Cottbus* (Germanujo, Brandenburg). — D.: Franz Preussmann.

*Du Quoin* (Usono, Illinois). — D.: Harley K. Croessmann, 8 N. Division str.

*Ekaterinoslav* (Rusujo). — D.: Zalman Jofo.

*Elgin* (Usono, Illinois). — D.: Joseph Jaroslav Burita, 114, Crighton Ave.

*Flagstaff* (Usono, Arizona). — D.: Charles McKinney, P. O. Box 285.

*Fort Collins* (Usono, Colorado). — D.: J. R. Schofield, 808, West Mountain Ave.

*Glauchau* (Germanujo, Sachsen). — D.: J. Petrik, Leipzigerstr. 3/I.

*Grand Mere* (Kanado, P. Quebeck). — D.: Ellwood Wilson.

*Greenfield* (Usono, Illinois). — D.: Ed. Edward M. Middleton.

*Greenland* (Usono, New Hampshire). — F-ino Lois Drew Beck.

*Karlstad* (Svedujo). — D.: Ake Häggström, Herrgärdsgatan 2.

*Lake* (Usono, Indiana). — D.: Wm. A. White.

*Lancaster* (Usono, Penn.). — D.: Warren A. Sherwood.

*Laon* (Francujo, Aisne). — D.: H. Clausse, Censeur du Lycée.

*Leeds* (Anglujo, Yorkshire). — D.: W. Gregory, 4, Highthorne View Armley.

*Lemmon* (Usono, South Dakota). — D.: Clinton L. Williams.

*Long Branch* (Usono, New Jersey). — D.: Alfred O. Nicks.

*Loughborough* (Anglujo, Leicestersh.). — D.: Sydney J. Davis, Technical Institute.

*Louisville* (Usono, Kentucky). — D.: D-ro Robert Wallace, 1218 So. 28 str.

*Marietta* (Usono, Ohio). — D.: D-ro Ziba D. Walter.

*Moncay* (Tonkin). — D.: M. Saillens, kapitano.

*Oldenburg* (Germanujo). — D. Clemens Lammer, Friesenstr. 8.

*Pine Bluff* (Usono, Arkansas). — D.: Robert R. McIntyre, 401, West 11th. str.

*Puj* (Hungarujo). — D.: Andreo Cseh, universitatano.

*Salt Lake City* (Usono, Utah). — D.: N. J. Jorgensen, 1514, Union Ave.

*San Francisko* (Usono, California). — VD.: G. H. Petersen, 1362, Webster Ave.

*Serampore* (Hindujo). — D.: Karl Samuel, Serampore College.

*Soham* (Anglujo). — DD.: H. Rust, The Vicarage.

*Storm Lake* (Usono, Iowa). — D.: Geo H. Fracker, 420, Geneseostr.

*Trento* (Aŭstrio, Tirol). — D.: Marchetti Giovanni, 3, Via Sta. Croce.
*Walhounding* (Usono, Ohio). — D.: D-ro J. W. Snider, R-F-D 1.

**Ŝanĝoj.**

*Brno* (Aŭstrio, Moravio). — D.: A. Valousek, Medlanky apud Brno.
*Butte* (Usono, Montana). — D.: E. Fain, 320, East Mercury str.
*Melilla* (Hispanujo). — D.: Eugenio Calvo, Chacel 24/2 o 6.
*Posen* (Germanujo). — VD.: Z. Siwinski, St. Martinstr. 63/III.
*Szabadka* (Hungarujo). — D.: Elemer Bazar, zentai osztàly memòkseg.
*Tetschen* (Bohemujo). — D.: Hedwig Elbracht, Bodenbach Lessingstr. 232/11.
*Vevey* (Svisujo). — D.: Balsiger, Ruelle Verte 6.

**Eksiĝoj.**

*Baltimore* (D.: Hoffmann); *Chaux-de-Fonds* (D.: Rosen); *Ekaterinodar* (D.: Janverk); *Ĥerson* (D.: Tevjaŝev); *Ipswich* (D.: Jolley); *Mansfield* (D.: Burton); *Meissen* (D.: Simmank); *Spezia* (D.: Wichtental); *Thorn* (D.: Reimann); *Tonnerre* (D.: Koch); *Tunis* (D.: Radenac); *Weimar* (D.: Froherz).

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Rishkev,* Del. en Kursk, esprimas sian koran dankon al S-roj E. Ulitzsch, Del. en Gera (German.), L. Chenevier, Del. en Annonay (Franc.), A. Niesten, Rotterdam, J. Oldrich (Aŭstrio), W. Sitevka, Shavli (Rus.) kaj W. Edvin, London, pro iliaj sendaĵoj kaj bondeziroj al estonta ekspozicio. Samideanoj W. Sitevka (Shavli) kaj W. Edvin, London, estas petataj komuniki sian adreson.

.·. S-ro *E. Wahede,* Del. en Gaussig (German.) dankas al ĉiuj Del. en Polujo, Rusujo, Finnlando kaj Svedujo, kiuj lin helpis dum vojaĝo, speciale al S-roj Hirszovski, Zelinski (Varsovio), Saĥaroff, Ajspurit, Buŝujev, Jarmoloviĉ (Moskvo), kiuj kun vera frateco zorgis pri lia bonfarto. „Pro iliaj afablaj helpoj mia vojaĝo tra kvar diversaj landoj fariĝis vere impres- kaj ĝuplena, kaj mi estis tute konvinkata pri la granda utileco kaj graveco de Esperanto".

.·. S-ro *S. Sariĉev,* Vicdel. en Astraĥan, kore dankas por faritaj al li diversspecaj servoj, helpoj kaj konsiloj dum lia vojaĝo tra Rusujo la jenajn Del.: S-rojn D-ro Naumenko (Vladikaukaz), F-inon Pavlova (Tiflis), S-rojn Maksimov (Kutais), Mkrtiĉan (Batum), Porosjukov (Rostov n. D.), Veselovskij (Voronej), Szabunievicz (Moskvo), Malenkov( Niĵni-Novgorod), Tiĥonov (Nikolaevskaja) kaj multajn aliajn samideanojn helpintajn lin dum tiu vojaĝo.

.·. S-ro *Albone,* Del. en Rugby, tre dankas S-ron Meyer en Frankfurt kaj ankaŭ la samideanon ĉe Hanau (German.) pro ricevitaj informoj.

.·. S-ro *A. Polivka,* Esp-iano el Wien, tre dankas S-ron Querino de Oliveira, Del. en Rio de Janeiro, pro kora kaj frata akcepto. „Mi veturis Brazilujon kaj estis tiel konsternita de tiuj novaĵoj por mi, de tiuj fremdaj nacianoj kaj moroj, ke mi sentis nun jam perdita. Dank'al mia samideano, kiu min helpis, mi trovas refoje la kuraĝon batali por pli bona bonstato mia".

.·. S-ro *Bierens,* Subdel. en Rotterdam, pasiginte sian libertempon en Anglujo kiel gasto de Ges-roj Pichles, Huddersfield, kaj Butterworth, Smithy Bridge, tutkore dankas ili pro ilia neforgesebla gastigado. Li esprimas sian dankon al tiuj gesamideanoj el Cleerhorpes, Huddersfield, Rochdale, Smith Bridge, Manchester kaj Bradford, kiuj diversmaniere agrabligis lian restadon, ankaŭ al la grupo de Huddersfield, kiu aranĝis specialan kunvenon, kaj al la Del., S-ro Clarkson. „Kvankam mi tute ne scias la anglan lingvon, mi faris mian vojaĝon per Esperanto, esperante ke mi samtempe multe faris por Esperanto".

.·. S-ro *Pŝenickij,* Esp-iano en Wolkowysk, kore dankas S-ron Larson, Esp-iano en Stockholm, por liaj afablaj servoj rilate al komerca afero dum la foresto de la Del. en Stockholm.

.·. S-ro *M. Mogendorff,* Esp-iano en Groenlo, dankas la Del. en Bruselo, Antverpeno, Parizo kaj Londono pro ilia helpo en komercaferoj kaj la Del. en New-York pro lia afabla helpo al sia kuzo alveninta en New-York.

.·. S-ro *Abato Ramboux,* Esp-iano en Charleville, tutkore dankas la Del. en Orléans, S-ron Pillault, pro lia komplezemo. Li denove kontrolis la verecon de la utilo de UEA.

.·. S-ro *L. Vincent,* Esp-iano en Parizo, kore dankas S-ron Evrot, Del. Chambéry, pro utilaj informoj, S-ron Jenet, en Lorient kaj S-ron Mariette, Del. en Hennebout, pro kompleza helpo dum vojaĝo.

.·. S-ro *Agurtin,* Esp-iano en Belostok, dankas la Del. en Bruselo, Vieno, Londono, Berlino (Sostmann kaj F-ino M. Rabe), Grenobe, Nancy, Dijon, Leipzig, Parizo (R. Bollack kaj R. di Rienzi), Mannheim, Bern (Olŝwanger), Marburg (Barnack) kaj Mülhausen (F. Witz) pro iliaj informoj pri eksterlandaj superaj lernejoj.

.·. *E. de Rákóczy,* Del. en Kolozsvar, dankas ĉiujn Del., kiuj bonvolis lin helpi dum lia granda rondvojaĝo peresperanta. Specialajn gratulojn kaj dankegojn li adresas al S-roj Rousseau (Del. Dijon), Sós (Del. Wien), Tressel (Del. München), Krumbach (München), Poncet (Del. Lyon), Camescasse (Del. Paris), di Rienzi (Paris), Jakob (Genève).

.·. S-ro inĝ. *Samblich,* Esp-iano en Trieste, kore dankas la Del. de Firenze, S-ron Scarselli kaj la familion de lia frato, kiuj tute samideane agrabligis lian restadon.

## Esperanto-Oficejoj

*Leipzig.* — Ĉar sufiĉe granda nombro da samideanoj travojaĝas daŭre la mondkonatan foir- kaj libro-urbon Leipzig ŝajnas al mi necese aparte atentigi je la translo̧ĝo de la oficejo de UEA (Germana Esperanto-Librejo ). Ĝi de nun troviĝas Johannisplatz 3, t. e. en la plej oportuna centro de la urbo, facile atingebla de ĉiu travojaĝanto. Aldone mi rimarku, ke la oficejo estas ankoraŭ pli bone organizata ol ĝis nun; ĉiu vojaĝanto trovas en ĝi skribkaj legoĉambron kaj ĉiajn necesajn skribmaterialojn; krom tio ĉiu ajn esperantan, germanan aŭ alinacian literaturaĵojn.

Mi atentigas aparte pri la elmetado de la diverslandaj gvidlibroj, plej multe legataj gazetoj k. t. p. al kiu interesiĝas certe ĉiu samideano. Sendu, mi petas, po ekz. de ĉiu nove aperonta gvidlibro aŭ folio. La oficejo estas malfermata de 8 h. ĝis 12 h. kaj 2 h. ĝis 7 h. ĉiutage krom dimanĉo. Grandaj afiŝoj je muro kaj fenestro montras al ĉiu vizitanto la Leipziga'n kunvenejon de ĉiuj Esperantistoj.

Johannisplatz 3, Germana Esperanto-Librejo
antaŭe Sternwartenstrasse 40.
Bernhard Kötz, Del.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Berlin, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*
**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Vladivostok, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | (4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ | *25* „ | (10 „) | |
| 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „) | |
| Plena kolekto (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA,* kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj[1]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Krakow* (68 paĝ. 12×16. I) | *15* | 6 |
| **Belgujo** | | |
| *Antverpeno* (32 paĝ. 12×16,6. I) | *10* | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | *25* | 10 |
| **Francujo** | | |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Sens kaj ĉirkaŭaĵoj* (10 paĝ. 12,5×16) | *10* | 4 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

# Esperantia Vivo

**Esperanta bapto.** — La baptogepatroj de la ĵus naskiĝinta filo de la Del. de Ufa, S-ro N. Foss, estis S-ino Tame Takahaŝi (Japan), kaj D-ro W. H. Fox (Usono).

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj von Frenckell, Dresden, naskiĝis filo.

# Alvokoj

## Boy-Scouts

S-ro Chilard, Del., instruanto ĉe la Boy-Scouts en Versailles, disvastigas Esperanton, kaj estus tre kontenta, se li povus interrilati pri tiu organizaĵo kun la Boy-Scouts en aliaj landoj, precipe kun la anglaj.

Adreso: L. Chilard, 4, rue Bertin, Versailles (Francujo).

## Esperanto en Oriento

Mi kredas, ke la malŝato inter okcidentaj kaj orientaj nacioj devenas nur el la malfacileco de reciproka kompreno pro la malsameco de iliaj lingvoj, kutimoj, religioj, k. t. p. Por forigi tiujn malbonaĵojn mi nun preparadas la eldonon de monata gazeto skribata en facila angla, franca, japana kaj esperanta lingvoj por geknaboj; en ĝi mi enpresos pentraĵojn kaj fotografaĵojn de produktaĵoj de okcidentaj kaj orientaj geknaboj, kaj post publikigo sendos ilin al la geknabaj lernejoj en ĉiuj lokoj en la mondo. Mi do petas, ke oni bonvolu komuniki al mi la adresojn de infanaj kaj geknabaj lernejoj de la diversaj landoj kaj urboj.

*M. Hikosaka*, Del.,
33, Abekawamachi, Tokio (Japanujo).

## Informejo pri Bruselo

Ekzistas en Bruselo oficiala senpaga informejo je la dispono de ĉiuj fremdlandanoj, kiuj vizitas Bruselon. Mi petas, ke la fremdaj samideanoj vizitontaj Bruselon, postulu informojn en la supre nomita oficejo. Ili ankaŭ petu gvidlibron Esperante verkitan.

Mi samtempe petas, ke la Del. sendigu al la dirita informejo ĉiujn gvidlibrojn, gvidfoliojn aŭ informilojn pri sia urbo. Adreso: Office de renseignements, 19, passage du Nord, Bruxelles.

Mi esperas, ke la oficejo ricevos multe da gvidlibroj (france, angle, germane, k. t. p.) de ĉiuj urboj de l'mondo.

*E. Haine* (Del. Bruselo).

## Helpo por propagando

Por propagandi Esperanton en komerco kaj industrio en Zittau (Germanujo) mi petas ĉiulandajn samideanojn helpi al mi en jena maniero:

1e Ĉiuj Esp. komercistoj Esperante skribu al la granda firmo: F. A. Bernhardt, Tinkturejo-teksejo, por peti prezarojn kaj modelojn. Tiu ĉi firmo akceptas reprezentantojn en ĉiuj landoj precipe en Alĝerio, Maroko, Norvegujo, Svedujo, Danujo, k. t. p.;

2e Samideanoj skribu al la ĉitiea komerca ĉambro por iuj ajn informoj;

3e Ili skribu al Verkersverein Zittau por ricevi senpage gvidfolion.

Kun antaŭa danko,

*O. König*, Del.,
Friedländerstrasse 13, *Zittau*.

## Petego

Ĵus reveninte el Svisujo, mi trovis ĉi tie kortuŝan leteron — la unuan depost trimonata atendo — de mia fratino el Pirdop (Bulgarujo). Ŝi sciigas pri la travivitaj de ili teruraĵoj kaj la mortigo de nia patro, skribante interalie:

„... Mi vin petegas de patrina kaj mia flanko faru ĉion eblan, kvankam vi estas malproksime, por sciiĝi kie estas mia patro. Oni supozas, ke li estas viva, sed restinta en grekaj manoj kaj for-

portita en hospitalon. Oni diras, ke marŝante antaŭ sia roto, li estas trapikita de kuglo, falinta de sia ĉevalo kaj elkriinta por helpo; estas alkurintaj 2—3 personoj, sed tuj oni trumpetis por retiriĝo kaj tiam paĉjo estas dirinta al ili savi sian vivon kaj lasi lin; nur lian revolveron kaj monon ili estas prenintaj... Tiel kuras diversaj famoj, kaj ni mem ne scias, kio estas vera kaj kio malvera. Konstante ni disdemandas kaj skribas, sed de lia regimento nenia sciigo venas. Mi petas vin, fraĉjo, skribu en Grekujo por eldemandi pri paĉjo ĉu li viva estas. Lia adreso estas:

S-ro *Iliev Ĥakralampi,*

(Krestanof), oficiro de 10a roto, 3a korpo, 16a infanteria Loveĉ'a regimento, antaŭ la ĉirkaŭaĵoj de Saloniko, vundita je 19 junio..."

El la profundeco de mia vundita koro mi petas en la nomo de nia sankta afero niajn grekajn gesamideanojn, precipe la Delegitojn de UEA, bonvolu demandi pri mia kara patro (50-jara) kaj sciigi al mi, kie li estas. Ankaŭ vin, gesamideanoj havantaj amikojn en Grekujo, mi petas vin pri kunhelpo. Mi faros ĉion eblan por inde danki al vi por tiu servo, kiu konsolos nian en ĝemoj dronantan familion. *Ivan H. Krestanof* (L. K).

(Adreso: Poste restante Dijon, France.)

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Abraham J. D. Dalva kaj K-io, komercistoj, PM.

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Nikos. M. Magyros, rue Nazli Kioprou, PK., PM.

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Haim Saragosti, PM. (sendi rekomandite).

AMSTERDAM (Nederlando). — S-ro W. F. Blom, van Hallstraat 35, PI. (kun ĉiuj landoj).

BERLIN (Germanujo). — La geanoj de la Katolika Esperanto-Societo deziras korespondadi per PI. aŭ L. nur kun katolikaj geesperantistoj en ĉiuj landoj. Adreso: S-ro Fromm, Luckenwalder Str. 11-a, Berlin SW. 11, Germanujo.

BERLIN (Germanujo). — S-ro Karl Beck, Blumenstrasse 27, Berlin O 99, PI., bfl. (kolorigitaj, kun negermanoj).

BERLIN (Germanujo). — S-ro Josef Waldmann, Rathenoverstrasse 65/III, Berlin NW 21.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Jozefo Karaszek, VIII. Koszoruutca 26, PK., PM., L.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Schnébli Janos, Kiraly u. 108. 1/2 em 3, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Karoly Möller, arkitekto, Krisztinakörut 158, PI., bfl., PK., PM. (prefere kun grandurbanoj),

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Z. Polnik, advokato, Krisztinakörut 159. PI. (tre belaj, kolorigitaj, bfl. Por alilandaj PM. sendas saman nombron de hungaraj).

CERVENY KOSTELEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ino Eliŝka Srutkova, Sokolska ul., PI., L.

CIEMFUEGOS (Kubo). — S-ro A. M. Oliva, leŭtenanto G. Rural, sciigas, ke li ekrespondas ĉiujn korespondaĵojn delonge prokrastitajn pro gravaj kaŭzoj, je kiuj li estas pardoninda. Rimarku la novan adreson.

CLERMONT FERRAND ((Francujo, Puy-de-Dôme). — S-ro Georges Desrut, 10, rue Barrière-de-Jaude, PI.

CLERMONT FERRAND (Francujo, Puy-de-Dôme). — S-ro Clermont Lucien, 13, rue du Cheval Blanc, PI.

CLOT (Hispanujo, Barcelona). — S-ro Miĥaelo Perich, prez. de la Esp. Grupo „Verda Stelo", Meridiana 115, 2°, PI., bfl. (ankaŭ per antikvaĵoj).

CONTICH (Belgujo). — S-ro G. Lotry, Pierstraat 14 (kun ĉiuj landoj, precipe kun junaj fraŭlinoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DORPAT (Rusujo). — S-ro Jean Laarmann, Onne uul. 31-a, kort. 9, PI. (kaj fotografaĵojn kun ĉiuj landoj).

EGER (Hungarujo). — S-ro D-ro L. Szokolay, PI. (kun eksteröropanoj).

FUERSTENAU (Germanujo, Hannover). — S-ro Hans Brockschmidt, PI. (kun eksterlanduloj).

FUNCHAL (Portugalujo, Madeira). — La Esp. Grupo „Madeira Verda Stelo" deziras konatiĝi kun la aliaj eksterlandaj grupoj per korespondado de PK. aŭ L. Adreso: Rua da Silva Carvalho 6, Funchal.

GATESHEAD-ON-TYNE (Anglujo). — S-ro P. H. Lewis, 57, Abbot St., PI. (kun alilanduloj).

GATESHEAD-ON-TYNE (Anglujo). — S-ro T. Flynn, 17, Carrick St., PI., (kun alilanduloj).

HIRVENSALMI (Finnlando). — S-ro literaturisto Kasperi Tanttu, L., PK., PI. (kun ĉiuj landoj).

ILFORD (Anglujo, Essex). — S-ro F. C. Veryard, 40, Woodlands Road, L., PK., PI.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Novotny, maŝinisto, Jiĉin n. m. 11, PI., PM., bfl.

KLADNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Otom. Koĉi, prez. de la I. esp. klubo „D-ro Zamenhof", Kladno 983, PI. (fotografaĵojn, naciaj kostumoj k. t. p., gazetojn k. s. kun ĉiuj landoj).

LA ROCHELLE (Francujo, Charente-Inf.) — F-ino Hélène Moreau, rue Louise Pinchon, PI. (kun alilanduloj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝtkesto (kolektas sigelmarkojn kaj esp. PM.; interŝanĝe sendas propreldonitajn).

NOVY ETINK U JMDRICHOVA HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Semotan, oficisto, PI.

ODENSE (Danujo). — S-ro Alfred Christensen, Engelhoftsgade 15, PI., L. (pri geografio).

OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Franz Hochmann, Ferdinanstr. 6, L., P.I.

OREL (Rusujo). — S-ro Ŝestakov, gimnazio Nedbal (ĉiam respondas).

OREL (Rusujo). — F-ino Popel, 575/II, poste restante.

PORTO (Portugalujo). — S-ro Reynaldo Gomes, 98, rua da Pena, PI., bfl. (prefere kostumoj; kun ĉiuj landoj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Josi Luiz da Rocha, 46, rua dos Lavadouros, PI., bfl. (kolorigitajn).

PREROV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Stanislav Zapletal, Riegrova ul. 1.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Seccâo da Contabilidade dos Telegraphos.

SAINT-ETIENNE (Francujo, Loire). — F-ino Mandonnet Marcelle, 24, rue Blanquai, PK., L. (kun ĉiuj landoj).

SAINT-PAUL-EN-JARRET (Francujo, Loire). — F-ino S. Frécon kaj S-ro K. Frécon, PI.

SANTANDER (Ameriko. Kolombia. — S-ro Helvecio Gomez O., Riomegro, PI. (precipe kun fraŭlinoj).

SANTIAGO (Ĉilujo). — S--o Armando Castillo, Santiago 7 (interŝanĝi fotografaĵojn, kartojn, markojn, revuojn, k. t. p.).

SERAMPORE (Hindujo, Bengal). — S-ro K. Samuel, Serampore College, PI.

SLUCK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro A. Norkin, studento, L. PK. PM.

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Michel Stylianpoulo, chemin de fer Smyrna-Cassaba, PK.. PM. (kun ĉiuj landoj).

STA. COLOMA DE FARNÉS (Hispanujo, Gerona). — S-ro Manuelo Palomera, str. Hospital 15.

STA. COLOMA DE FARNÉS (Hispanujo, Gerona). — S-ro Emilio Serra, Placo Constitucion.

STARKOE P. NACHOD (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav, Prokop, Restaurant „Esperanto" (petas pri sendado de PI., esp. markoj kaj aliaj esperantaĵoj por konstanta ekspozicio; respondos per PI.).

TALICKIJ ZINO (Rusujo, Uralo). — S-ro Alekso Vjatkin, studento (post la 20 aŭgusto en Jalto, Rusujo, Krimeo, poste restante) (sendas vidaĵojn de iu ajn parto de Rusujo).

TEIXEIRAS (Brazilujo, Minas). — S-ro Ismael Gomes Braga, Pl., PM., bfl.

TOKIO (Japanujo). — S-ro T. Yamazaki, ĉe M. Miyagawa, 26, Sankoĉo, Ŝiba, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

VESELI N. MOR. (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Fratinska Rehaková, instruistino, Pl. (kun ĉiuj landoj).

VICHY (Francujo, Allier). — S-ro Mounin Edmond, lernejo Carnot.

VILLA NOVA DE GAYA (Portugalujo). — S-ro A. Santos, Oliveira do Douro, PK., PM.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) Pl. (kun ĉiuj landoj).

WISLA (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Pilch, Pl., L.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

ZUERICH (Svisujo). — S-ro Eugen Lassovszky, Bolleystr. 45, Pl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AMIKOJ-ESPERANTISTOJ en la tuta mondo! — Mi decidis dediĉi la reston de mia vivo al vojaĝo tra la mondo. Mi havas tre malmulte da materiaj rimedoj por tio, sed mi ne petas helpon materian, nur konsilon kaj duman laboron kio ebligus al mi daŭrigi mian vojaĝon. Mi estas dudeksepjara, nun servas kiel komizo en manufaktura firmo kaj ankaŭ estis kontoristo. Dufoje jam mi estis eksterlande kaj iom parolas angle. Kredante en fortegeco de Esperanto, mi atendas de vi, samideanoj, respondon kun informoj pri vivo en viaj landoj, dank'al kio mi ekpovos projekti mian vojiran planon. K. Bulgakov, Petrokavlovska 17, Odessa, Rusujo.

ATENTU! — S-ro Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto 12, aĉetas fotografaĵojn de Esperantistaj Societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, ekspozicioj, ekskursoj, ĉu apartaj fotografaĵoj, ĉu eltranĉitaj el gazetoj, ĉu faritaj de amatoroj. Volu fari proponojn. Ankaŭ li kolektas sigelmarkojn kaj gazetojn esperantajn.

BRODAĴO, SILKAĴO, ŜALOJ kaj ĉio rilate al virina vestiĝo. Vigla agento mem pagas vojaĝkostojn, posedante gravan pograndistan klientaron en tuta Anglujo, deziras ankoraŭ kelkajn komisiajn reprezentadojn por fabrikistoj de supraj artikoloj. Applebaum, Mayville Road, Liverpool.

GRAVA PETO. — S-roj Delegitoj kaj aliaj, bonvole, por montri la ekonomian valoron de UEA, instigu entreprenojn (fabrikojn, muelejojn k. t. p.), kiuj eble bezonus kaj dezirus svedajn, vere unuaklasajn, jam mondfamajn motorojn (por krud-oleo), konfidenciplene por informoj sin turni, germane, france, angle aŭ esperante al S-ro A. Rosenberg, Svanhals, Svedujo.

INFORMO. — Mi, D-ro med. B. A. Perott, asistanto de l'imperiestra Sanatorio, vojaĝos en oktobro tra la urboj: Bern, Lausanne, Ĝenevo, Chamonix, Martigny, Fluelen, Luzern, Zürich. Samideanoj, familia intervidiĝo estas la plej bona pruvo de l'utileco de nia lingvo por skeptikuloj. Notu lokon de renkontiĝo. Mia adreso: Ruslando, Finlando, Halila.

LERNLUDO ESPERANTA. — Bonega ilo por pomenculoj kaj progresuloj dezirantaj bone lerni nian karan lingvon. Sendu senprokraste poŝtmandaton aŭ ĉekon de unu spesmilo al Eldonejo Esperantista, adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando.

MANDOLINISTOJ. — S-ro A. Besnard, 26, rue Antoinette, Paris, deziras provi recenzon de mandolinistoj kaj gitaristoj en ĉiuj landoj per Esperanto. Sendu adresojn, li ĉiam respondos per il. poŝtkartoj.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite S. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto“, Lubjanski pr. 3, Moskvo.

WEINBÖHLA. — Ĝardenurbo de Dresden. Agrabla loĝado. Esperantaj prospektoj haveblaj ĉe Magistrata domo (Rathaus), instruisto A. Sohrmann, Kronprinzenst. 5.

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

**GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE, 10 GENÈVE**

Ĵus aperis:

**Por fari Esperanto-Kursojn laŭ sukcesa parola metodo**

EDMOND PRIVAT:

## KURSA LERNOLIBRO

64 paĝoj — Sm. 0.20 — (Fr. 0.50)

**Sendu 2 respondkuponojn por ricevi specimenan ekzempleron.**



Tiu ĉi libro, praktika kaj tre malkara lernolibro por esper. kursoj en ĉiuj landoj estas rezultato de longa instrua spertado. Ĝi lernigas tuj flue paroli la lingvon kaj pensi en ĝi, uzante komence nur tre malmultajn vortojn. La lecionoj estas zorge aranĝitaj konversacioj, kiuj iom post iom instruas la diversajn regulojn de l'gramatiko. Ĉiu kvina leciono entenas facilan rakonton kun demandaroj speciale aranĝitaj por instrui la vortetojn *kiu, kie, kio* k. t. p. La libreto entenas utilan ĉapitron: „Al Instruantoj", plenan gramatikon, klarigojn pri monsistemo, bildon por instrui prepoziciojn, k. t. p. Ĝi estos granda helpo ĉie — por direkti sukcesajn kursojn. —

**Facila legolibro por lernantoj:**

EDMOND PRIVAT:

## KARLO

(15a MILO — 5a ELDONO)

40 paĝoj — Sm. 0.20 — (Fr. 0.50)

Tiu verko estas uzata kiel legolibro en Esperantaj kursoj de Anglujo, Francujo, Italujo, Rusujo, Germanujo kaj aliaj landoj, pro sia *klara* kaj *facila* stilo.

MARIE HANKEL skribis: „Jen bela originala verko en nia literaturo. Kvankam ĝi estis speciale verkita kiel facila legolibro por komencantoj, „Karlo" estas malgranda romano, ĝiaj 20 ĉapitroj estas 20 juveloj de delikata artplena priskribo pri vivo de junulo de naskiĝo al edziĝo. Per sia dolĉa sentemo, samtempe melankolia kaj ŝercema, tiu sprita noveleto estas plej ĉarma legaĵo".



ALIAJ VERKOJ DE L'SAMA AŬTORO (Ĵus aperis):

**GINEVRA,** ORIGINALA LIRIKA DRAMO EN TRI AKTOJ

Gravan lokon en nia literaturo okupos tiu nova originala verko de S-ro Edmond Privat, kiu vivigis en ĝi la amon de Ginevra kaj Lancelot. Riĉeco de ideoj kaj dolĉa delikateco de psikologio flue akordiĝas kun la kolora poezieco de l'belsonaj ritmoplenaj versoj en tiu facile legebla teatraĵo. — 48 paĝoj — Kun bela kartona bindaĵo. — Prezo: Sm. 0.50 (Fr. 1.25).

**TRA l'SILENTO,** ORIGINALAJ POEMOJ, lukse eldonitaj sur antikva papero *kun arta pergamenta kovrilo:* Sm. 0.60 (Fr. 1.50).

**HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO.** Tiu grava verko traktas pri la historio de Esperanto de 1887 ĝis 1900, t. e. pri la plej malmulte konata kaj plej interesa periodo de nia movado. Per kelkaj ĉapitroj la aŭtoro majstre konigas la ĉefajn faktojn de nia historio, montras ilian signifon, kaj priskribas kelkajn el la plej famaj Esperantistoj pioniroj. Rekomendita por kandidatoj al Esperantaj ekzamenaj.

— **Popola eldono 66 paĝoj: Sm. 0.50 (Fr. 1.25).** —

# Esperantista Kantaro

Dua eldono. — 6a—10a milo

Kolekto de germanaj kaj diversnaciaj popolkantoj, esper. de L. E. MEIER, D-ro L. L. ZAMENHOF, F. PFEIL, AD. ŜEFER, C. BICKNELL kaj aliaj. Kunmetitaj de WILHELM FRIES

**TEKSTARO:** brosurita Sm. 0.250; kartonita Sm. 0.300

**MUZIKA ELDONO** Sm. 0.500

*Neniu samideano, neniu kunveno estu sen tiu vera internacia kantotrezoro!*

**GERMANA ESPERANTO-LIBREJO, LEIPZIG**

**3, Johannisplatz 3**

## Helpu Esp-Movadon en Oriento!

JAPAN TRADE REVIEW Monata Ilustrita Revuo kun ESPERANTA FAKO Jare: 2 Sm. Unu kajero: 20 Sd.

AGENTECA FAKO

en kiu oni vendas Japanaĵojn; reprezentado de ĉefaj japanaj fabrikistoj; oni petu detalojn.

*Specimena N-ro 1 respondkupono.*

JAPAN TRADE REVIEW, 4 Yurakucho-Itchome

TOKYO, Japanujo.

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51.

Oni parolas esperante!

## Nova kuracmetodo!

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.).

— DU FAKKURACISTOJ.

Direktoro: D-ro BREIGER.

# E. J. HOFFMANN — THUN

**— Fabrikejo de karton- kaj ladpakiloj —**

Specialaĵo: LADDOZOJ sen kaj kun stampo de la firmo faritaj el unu peco kun duobla faldo kaj lutita. Patentskatoloj. — Skatoloj por konservaĵoj. — Mielujoj. — Dozoj por uzadoj en apotekoj kaj ĉiuj aliaj por diversaj uzoj.

**Litografio — Kromo-presado**

por skatoloj kaj reklamafiŝoj. — Reliefaj ŝtampaĵoj.

**Librobindejo kaj kartonaĵoj**

**Mekanika Laborejo**

Telefono — Adreso telegrama: HOFFMANNS THUN

| Bronza medalo PARIS 1889 | 2 arĝentaj medaloj GENÈVE 1896 | 2 oraj medaloj THUN 1899 |
| --- | --- | --- |

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO